VIa jaro. No 87 — Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) — 5 Oktobro 1910

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

*Direktoro : HECTOR HODLER*

ABONO

Jara Abono. . . . . . . . . . . . . . . . 1,60 $ (4 frankoj)

La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

Redaktejo & Administrejo : *10, rue de la Bourse*, GENÈVE (Svisujo).



## Dum la lasta duonmonato

**La nova Statuto de U. E. A. kaj la novaj kotizajoj estas akceptitaj per granda plimulto.**

**La listo de la Delegitoj de U. E. A. aperos en la venonta eldono de la konata tutmonda adresaro C. Leuchs kaj Kio.**

**Ni publikigas sur la 3a paĝo plenan raporton pri la Kongreso de Washington kaj la paroladon de D-ro Zamenhof.**

ESPERANTIAJ DEMANDOJ

## Kio estas la nova Statuto de U. E. A.?

La nova Statuto de U. E. A., kiun voĉdonis la Delegitoj, konforme al la deziresprimoj de la Ia Kongreso de nia Asocio alportis al ĝi diversajn ŝanĝojn, kiujn ni opinias utile komentarii por niaj membroj, tiom pli ke kelkaj el ili rekte ilin koncernas.

Antaŭ ĉio la nova Statuto de U.E.A. multe pli klare kaj detale ol la antaŭa priskribas la celon de nia Asocio. Ni represas ĝin, ĉar ĉiuj Esperantianoj havas la devon ĝin koni :

« Sub la nomo *Universala Esperanto Asocio* (Esperantio) estas fondita Asocio, kiu celas :

1e Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materialajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri nacieco, raso aŭ lingvo ;

2e Krei praktikan servaron konstante uzeblan de ĉiuj homoj kaj korporacioj, kies ekonomiaj aŭ intelektaj interesoj celas trans la limoj de ilia gento aŭ lingvolando ;

3e Kreskigi inter siaj membroj fortikan ligilon de solidareco ;

4e Ellabori neŭtralan organizon fundamenton super kiu ĉiuj progresemaj homoj povos pace interkomunikiĝadi sen reciproka altrudo de siaj gentaj apartajoj. »

Oni do vidas, laŭ la lasta paragrafo, ke U. E. A. plene kaj oficiale akceptas la internan ideon de Esperantismo kaj laboros por ĝia realigo. Espereble, post ĉi tio ni ne plu aŭdos Esperantianojn, kiuj diros aŭ, pli grave, skribos, ke U. E. U. estas « societo de Esperantistaj komercistoj » aŭ « societo por propagandi Esperanton en la praktikajn rondojn » ! Tiuj asertoj estu lasataj ĉe la bazaro de la antikvajoj.

La nuna Statuto kreigas novan kategorion de membroj kaj fiksas novajn kotizajojn, kiuj ne plu estos devige revoĉdonataj ĉiujare. *Aprobantoj* estas nomataj personoj de la nova kategorio. Ili estos varbataj inter tiuj personoj, kiuj aprobas la celadon de U. E. A., sed pro diversaj kaŭzoj ne bezonas nun uzi ĝiajn servojn kaj ne lernas Esperanton. Post ĉiu parolado ekzistas multe de tiaj personoj, kiuj, kvankam ili persone ne sentas la bezonon de U. E. A., tamen tre kore ĝin aprobas kaj laŭdas. Ili plej ofte estas tute perdataj por nia afero. Donante al ili la eblon fariĝi aprobantoj per pago da 1 Sm., ni ne nur permesas al ili konkretigi ilian Esperantiemecon, sed ankaŭ per tio helpas al la kasoj de U. E. A., kaj, ne malpli grave, kreas ĉirkaŭ nia Asocio aron da favoraj personoj kaj kvazaŭ mezaj inter la tute indiferenta publiko kaj ni. Ni ne dubas ke multaj el niaj Delegitoj uzos tiun novajon. Ili havas aliparte intereson je tio, ĉar la duono de la kotizajo estos difinata por la regiona kaso. Tio estas plia instigo. Efektive multe da homoj tute ne interesiĝas pri Esperantismo, sed pli facile mondonos kiam ili scios ke ilia mono iras ne al malproksima urbo, sed restas parte en la loko mem kaj estas uzota por eldono de gvidfolioj, aranĝo de paroladoj, ktp. — aferoj faĉile konstateblaj de ili.

Rilate al la kotizajoj la sola ŝanĝo konsistas en tio, ke la membroj pagos 50 Sd. anstataŭ 36. Oni ne timu! Interŝanĝe de la 14 Sd. pliaj, *ĉiuj* membroj *senpage* ricevos la Oficialan Jarlibron de U. E. A. Fakte, do, la kotizajo estas malpligrandigata, ĉar ĉiu konscia Esperantiano antaŭe bezonis aparte aĉeti Jarlibron ; li do pagis 35 + 30, t. e. 66 Sd. Li nun pagos nur 50 kaj ricevos hejmen la Jarlibron, kiu pli bone konkretigas la organizon kaj agadon de U. E. A. ol multe da longaj artikoloj.

Fine, ni aldonu, ke laŭ la bona propono de S-ro Stromboli, la ĉiuspecaj membroj rajtos anstataŭi la jaran kotizajon per dumviva : la ordinaraj membroj pagante 30 Sm., la aprobantoj 24 Sm., la Entreprenoj, kies dumviveco estis fiksita je tridek jaroj 120 Sm.

Jen pri financaj aferoj. Ni havos la okazon denove aludi pri ili kiam ni traktos pri la regionaj kasoj.

Pri la regiona organizo nenio grava estas ŝanĝata. Ni nur notu, ke la Delegitoj kaj Vicdelegitoj estas balotataj por tri jaroj anstataŭ du. Kiel ĝis nun en la regionoj, kie la nombro de la Esperantianoj ne atingas 20, la Delegito estas provizore elektata de la direktoro de U. E. A. Espereble, la nombro de tiuj lokoj fariĝos pli kaj pli malgranda kompare kun la aliaj.

Interesa kaj sufiĉe grava novajo estas la enkonduko de ĉiujara kunveno de Esperantianoj. Jam nun en multaj regionoj la Delegito juĝis utile kunvenigi siajn membrojn, en la komenco aŭ fino de l'jaro, por raporti al ili pri sia agado, interŝanĝi ideojn pri la regiona agado dum la venonta jaro, repagigi la kotizajojn, ktp. Tute imitinda iniciato. Tiuj kunvenoj donas al niaj membroj la okazon scii pli precize pri la agado de U. E. A., konatiĝi unuj kun la aliaj, speciale en gravaj urboj, kaj direkti sian atenton al praktikaj demandoj. Ili estas kvazaŭ kongreseto de la lokaj Esperantianoj. Laŭ la nova Statuto, tiuj kunvenoj devos okazi almenaŭ unu fojon jare prefere dum novembro en ĉiu regiono kalkulanta minimume dudek Esperantianoj. Tie la Delegito faros raporton pri sia agado dum la jaro ; oni diskutos pri ĝi, fiksos la programon de la laboro dum la venontaj monatoj, zorgos pri plej bona loka propagando, repagos la kotizajojn, ktp. Memkompreneble, Oficiala parto de la kunvenoj devas esti en Esperanto — bona ekzerco por la Esperantianoj, kiuj obstinas paroli nacilingve en tiel nomataj Esperantistaj kunvenoj. Sed en posta neoficiala parto, oni povos inviti aprobantojn kaj publikon kaj fari nacilingve paroladon pri U. E. A. Nenio eĉ malhelpás, ke post la oficiala, seka sed utila laboro, estu aranĝata festeto, ĉe kiu partoprenos Esperantianoj kaj aprobantoj kaj konatuloj de ambaŭ. Tiamaniere oni paroligos pri nia Asocio en diversaj rondoj kaj tamen fruktodone laboras. Mi aldonas, ke tiuj kunvenoj neniel devas esti kunfandataj en kunvenoj de grupoj ne pli ol la Kongreso de U. E. A. devas esti kunfandata en la Esperantistaj Kongresoj. Ili estas kaj devas resti kunvenoj de l'U. E. A. Tiuj kunvenoj povos okazi pli ofte se la Esperantianoj tion deziras. Ankaŭ en la regionoj, kie estas malpli ol dudek membroj, tiaj kunvenoj neoficialaj povas tre bone okazi kaj estus ne malpli utilaj ol en la aliaj.

En venonta artikolo ni ekzamenos la novajojn enkondukitajn pri la distrikta kaj centra organizo de U. E. A.

H. HODLER.

## SOCIA VIVO

### KONGRESOJ & FESTOJ

#### Kongreso de Paco en Stockholm

En la komenco de Aŭgusto, la 18a tutmonda kongreso de Paco estis oficiale malfermita en Stockholm, de la Ministro de eksterlandaj aferoj de Svedujo.

Ĉeestis proksimume 600 delegitoj de la plej diversaj nacioj, kompreneble multaj svedoj, ankaŭ svedinoj ; ĉar en tiu progresema lando la virinoj tre aktive kaj sukcese partoprenas la socialan kaj eĉ la politikan vivon.

Kiom eraras la skeptikuloj, kiuj pensas, ke en la kongresoj de Paco oni aŭdas nur utopiajn paroladojn de revemuloj kaj sentimentalajn deklarojn pri la malbono de la milito kaj la bono de la paco, kaj ke tiuj kunvenoj sen respondeco ne povas fari ian utilan, praktikan laboron !

Jaro post jaro, la tutmondaj kongresoj de Paco fariĝas pli gravaj, pli atentindaj, pli efikaj ankaŭ. La pacifistoj faras sian propran edukadon, samtempe, kiam ili edukas la popolamasojn. Ili fariĝas pli praktikaj, pli konsciaj pri la atingota celo kaj pri la plej taŭgaj rimedoj atingi ĝin.

Certe, ili ĉiam revas pri pli bona, ŝajne preskaŭ utopia stato de la homaro, sed ili sin apogas sur pozitivaj faktoj kaj, kvankam ili levas la okulojn tre alten, ili tamen ne forgesas, ke ili marŝas sur la tero, ke la homaro ne estos perfekta kaj ke, en la nuna stato de la aferoj, sufiĉas por ili konscience klopodi por akceli la progresojn de la paca mavado kaj prepari la solvon de la interregnaj konflitoj.

Ĝuste pro tio, ke ili estas kunvenoj neoficialaj kaj sen respondeco, la kongresoj de Paco povas sentime ekzameni demandojn kaj problemojn, kiuj timigus kiun ajn alian aron da diplomatoj aŭ politikistoj.

Pli kaj pli, la subpremitaj popoloj sin turnas ĉiujare al la Kongreso de Paco, kiu reprezentas, por tiel diri, la tutmondan konsciencon ; ĝi estas la sola aŭtoritato, ĉe kiu ili povas aŭdigi siajn protestojn kaj plendojn ; al ĝi venis, post la poloj, la reprezentanto de la aŭtonomiema partio en Egipto.

Post senpartia ekzameno de la plej « brulantaj » demandoj, ĝi ne maltimas proponi solvojn kaj doni konsilojn. Cetere, oni povas konstati, ke, iom post iom, la pacifistaj ideoj penetras la publikon kaj eĉ la regnestrojn. Ne vana estas la laboro de la kongresoj de Paco !

Unu el la demandoj ekzamenotaj tiun ĉi jaron. la anoncita diskuto pri Finlando. prezentis intereson des pli akran, ke por la unua fojo ĉeestis en la kongreso delegitoj de la rusaj societoj de Paco, kaj ankaŭ delegitoj de Finlando. Oni povus timi bedaŭrindajn maldolĉajn parolojn inter la du partioj. Sed admirinda estis ilia teniĝo. La rusaj delegitoj klarigis, ke ili en sia lando jam protestis kontraŭ la decidoj de la « Dnma », sed, ke, kiel rusoj, ili ne povas partopreni la diskuton en la kongreso. Ankaŭ ne voĉdonis la delegitoj de Finlando; ili silente aŭskultis la rimarkindan raporton de nia bona amiko S-ro Ruyssen.

La kongreso *unuanime* aprobis la tekston de la prezentita deziresprimo, kies konkludo estas :

«... esprimas la esperon, ke la rusa nacio, pli bone informita pri siaj veraj interesoj kaj pri la deziro de la tuta civilizita mondo, ne prokrastos restarigi inter la imperio kaj la granduklando Finlando juran interkonsenton konforman al la komunaj rajtoj kaj interesoj de ambaŭ partioj. »

Oni ankaŭ aŭdis raportojn pri la Kreta demando, la Marokaj aferoj, la deviga arbitracio, la ĝenerala senarmiĝo ; ĉio estis serioze, senpasie ekzamenata, kaj se tuja solvo ne ĉiam estas ebla, tamen senpartia kaj bonvola ekzameno de la diversaj demandoj faris ilin pli klaraj kaj sekve pli facile solveblaj.

Okaze de la kongreso, okazis en Stockolm kaj aliaj urboj de Svedujo tre ĉarmaj akceptoj, festoj kaj ekskursoj, kio ne povis manki en tia ĝentila kaj gastama lando.

La italaj reprezentantoj oficiale invitis la proksiman kongreson kunveni en Romo en la jaro 1911.

S. Meyer (Del. La Rochelle)

#### La oka internacia kongreso de kooperativaj societoj

En Hamburg okazis de la 5a ĝis la 8a de sept., tiu ĉi grava kongreso, pri kiu iu granda gazeto (granda almenaŭ laŭformate) kuraĝis diri : « Ni ne bezonas raporti pri tiu kongreso al niaj legantoj, ĉar ĝi estas sufiĉe bone karakterizata per la ĉeesto de tiom da ruĝuloj. » La cerbo de tiu skribisto certe ne estas troŝarĝita de scio pri la ekonomia signifo de la kooperativaj societoj en la vivo de la popoloj.

Ĉeestis preskaŭ 500 delegitoj el multaj kulturlandoj, inter ili 144 Germanoj, 84 Angloj, 1 Japano, 1 Hindo kaj 2 Argentinanoj. La konfuzo de la lingvoj estis vere babilona. Ĉu neniu el la delegitaro sopiris je plena unueco akirota per neŭtrala lingvo ? Tiam la babilado ne estus plu babilona. Tamen P-ro Maxwell, la prezidanto, esprimis tiun deziron ; sed eble li ne konas sufiĉe la Esperantan lingvon, ĉar li opinias, ke nur post longa tempo oni atingos tiun ĉi celon.

S-ro H. Lorenz (Hamburg) raportis pri la vigla kooperativa agado en Hamburg, kie estas la oficejo de la Centra Ligo de Konsumsocietoj. Tie ĉi oni tre bone komprenas la veran kooperativan spiriton, kiu vidas en la kooperativa laboro unu el la rimedoj, kaj ĝi estas tre grava, por levi la klason de la laboristoj al pli alta ŝtupo. Ankaŭ dum la internacia socialista kongreso en Kopenhago oni pritraktis la aferon. Internacia kunlaboro garantios plej bone la pacon.

La bone preparita nova regularo de la ligo estis unuanime akceptata.

Parolis S-ro Müller (Zurich) pri la disvolvo de la Kunsumsocieta celado en estonteco.

La konsumsocietoj ludas tre gravan rolon en la moderna kooperativa movado. En Eŭropo ekzistas proksimume 20.000 konsumsocietoj kun 7 milion. anoj, kiuj aĉetas jare komercajojn valorantajn proksimume 1.300 milion Sm.

Oni celas pliprofundigi la agadon de la societoj kaj doni al ili ĉiam pli gravajn taskojn. Jam oni projektas la internacian ligon de pograndaj societoj por aĉeto, el kies realigo rezultus la mondkonsuma societo.

La devo gardi la kooperativajn rajtojn malpermesas detenon de politikaj celadoj. La plimulto de la kooperativanoj proklamas politikan neŭtralecon, sed laŭ la opinio de la parolanto neŭtraleco signifas, ke interne de la societoj nur la anoj decidu laŭ kooperativaj vidpunktoj ne obeante la ordonojn de iu ajn partio ekstera.

Ju pli kreskas la organizo de la konsumsocietoj, des pli florados la ideo de l'paco kaj la sento de l'interr acia solidareco. Estas necese planti la penson de l'kooperativismo ĉiam pli profunden en la cerbojn de la popoloj, por ke la societoj estu kulturejoj de socia opinio kaj institucioj de morala karakterformigo.

Germanujo havas 2,111 konsumsocietojn kun 1.224.000 anoj kaj spezo de Sm. 165 milionoj.

S-ro A. Nielsen (Aarkus) parolis pri *la terkultura kooperatismo en Danujo.*

La anoj de la kooperativaj societoj estas pleje kamparanoj el la mezaj kaj malsupraj klasoj. Ili estas tute neŭtralaj rilate al religiaj, politikaj aŭ sociaj demandoj.

La ago de la kooperativaj societoj signifas batalon kontraŭ la potenco kaj regeco de l'kapitalo, sekve ili devas formi propran kapitalon, por efike plenumi sian taskon. La tuta spezo de la 1.300 konsumsocietoj estas jare Sm. 25 milion. La societo por pogranda aĉeto produktas mem komercajojn en dek fabrikejoj. La 1.100 laktejoj havas proprajon en valoro de 12,5 milion Sm. Ekzistas 34 buĉejoj kun 93.000 anoj. En ili oni buĉis dum 1908 1,5 milion porkojn en la valoro de 50 milion Sm.

La temo de la raporto de S-ro Korthaus (Berlino) estis : *La kooperativaj societoj por kredito kaj metio en Germanujo.* Tiuj ĉi societoj bone floradas en Germanujo kaj estas valora apogo de la meza kaj malsupra komercistaro kaj metiistaro. Oni formis nombron da centraj societoj kiuj, parte en negoca interligo kun la Prusa Centra Kaso Kooperativa, faras valorajn servojn al la societoj.

Al la metiistoj la raportanto rekomendas la aliĝon al me tiaj societoj, por la komuna aĉeto de krudŝtofoj, de maŝinoj kaj eĉ de komuna produktado. Se la anoj jam pruviĝis kiel lertaj metiistoj, la subteno per ŝtataj monoj estu permesata, ĉar tiaj societoj jam komence bezonas sufiĉe grandajn kapitalojn.

Nur la kooperativa asocio ebligas al la metiistoj, kiuj solaj estas preskaŭ senpovaj, plenumi la taskojn de la moderna ekonomia evolucio.

P-ro Staudinger (Darmstadt) deziras, ke ĉiuj homoj aliĝu al konsumasocioj, ĉar ili estas plej valoraj por la plibonigo de la socia situacio. Li postulas de la societanoj la sindetenon de religiaj kaj politikaj celadoj. La homo laboru kun la homo por la plifortigo de la komunaj vivkondiĉoj.

P-ro Tœnnies (Kiel) pritraktas la kooperativan movadon el la vidpunkto de nacia ekonomio. La moderna ekonomio estas regata de la kapitalismo. La kooperativa movado estas kvazaŭ kojno enpenetranta en la kapitalistajn tendencojn.

Ankaŭ S-ro Peus (Dessaŭ) konata idisto, konfesas, ke neŭtraleco estas nepre necesa ; sed, ĉar la konsumantoj interligiĝas ĉe la antikapitalista produktada, ili batalas kontraŭ la kapitalismo, sekve ili faras klasan batalon.

La sekvanta parolanto, S-ro Anderson (Dublin), konstatas, ke la stato de la irlanda terkulturo, precipe de la lakto kaj buteroprodukto multe pliboniĝis per la enkonduko de la kooperativa organizo. En 1908a oni kalkulis en Irlando 293 laktejojn kun 42.400 anoj. La sumo de la vendoj estis 17,2 milion. Sm. La terkulturistoj ankaŭ formis kooperativajn asociojn por la aĉeto de ĥemiaj sterkajoj, bestnutrajoj, maŝinoj ktp. kaj por kredithavigo.

D-ro Albrecht, raportis pri la utileco de la kooperativismo por la solvo de la loĝproblemo. En Germanujo oni kalkulas en 1909a 747 konstrusocietojn kun 147.000 anoj. Pro la altvaloreco de la tero en grandaj urboj, la societoj estas devigataj konstrui domojn kun kvar kaj pli loĝejoj.

Certe la rezultato de la agado de la konstrusocietoj koncerne la plibonigo de la loĝeja mizero estas kontentiga.

Lastavice S-ro Vivian (Anglujo) raportas pri la movado de la konstruasocioj en Anglujo kaj konstatas la bonan rezultaton de ilia organizo.

La kunvenantaro decidas, ke la proksima kongreso okazos en 1913a en Glasgovo kaj akceptas kelkajn rezoluciojn pri la graveco de la kooperativismo en la socia movado kaj en la celadoj por la preparo de la komuna mondpaco. Ĉiuj estas konvinkitaj, ke la rezultato de la kongreso estis kontentiga kaj fruktodona.

Ĉar la celoj de la kooperativismo, estas ankaŭ parto de la esperantismo, la Espeaantistoj subtenu ilin kaj klopodu ke la venonta kongreso akceptu nian lingvon kiel kongreslingvon.

Vidante la gravecon de la kooperativa movado por la plibonigo de la homaraj rilatoj, mi proponas, ke « Esperanto » aperigu serion da artikoloj pri la stato de la movado en diversaj landoj. Mi jam de longe pripensis la aferon kaj estas preta, raporti pri la movado en Germanujo. Ni komencu per Anglujo, kiu estas la naskolando de la kooperativismo (1).

Vogler (Del. Hamburg).

#### Babelturo, aŭ Kongreso pri Elektrologio

Rilate al tiu Kongreso okazinta en Barcelona, dum septembro, jen noto disvastigita tra la gazetaro : « Dum la lasta kunsido de la Kongreso pri Radiologio okazis malagrablajo, pro parolado de D-ro Estrani en katalana lingvo.

D-ro Gaztelu, vasko, protestis, kial D-ro Estrani ne parolas en hispana lingvo.

La Prezidanto ĉesigis la diskuton, sed baldaŭ plifortiĝis la protesto. Sin intermetis D-ro Doumez, franco, petante, ke oni evitu tian spektaklon ; fine, D-ro Gaztelu trankviliĝis.

Poste D-ro Estrani legis alian verkajon, sed nun en franca lingvo,

Oni faras sufiĉe da komentarioj pri tiu ĉi neatendita okazintajo.

Sed komentario, por ni Esperantistoj.

P. Linarès (Del. Cordoba).

## AERVETURADO

#### Aviada semajno en Bordeaux

Por resumi pri tiu semajno de aviado, du vortojn : sukceso grandega.

La vetero tiel malbela dum la preskaŭ tuta somero fariĝis hela kaj sunplena kun eble iom tro da vento sed ĉu tiajn bagatelojn, nune, niaj birdhomoj, atentas?

Ĉar nomaro de l'konkursoj plenigas dutri kolonojn de l'jurnalo, mi parolos nur pri impresoj aŭ flankajoj.

Tuj unue, ĝi pruvis ke laŭ nova formulo, devos okazi l'aliaj mitingoj ; ĉi tiu, preskaŭ certe estos la lasta el internaciaj francaj mitingoj laŭ malnova formulo. La fama aviadisto Latham, kiu flugis lastan tagon diris pri ĝi : « tiu mitingo restos neforgesebla sed ĝi devus esti la triumfo kaj samtempe la glorigado de l'nuna formulo. De nun, nur flugoj de urbo al urbo aŭ konkuradoj envicigitaj devos okazi. La flugejoj estos grandegaj kaj konkuradoj okazos laŭ sistemo tute alia ; ekzemple laŭ tiu de l'ciklistaj kuroj (eliminaj, duonfinaj, finaj kuroj), sed je alteco fiksita pro la publiko kiu jam konas sufiĉe la flugmaŝinojn sed kiu baraktas en la konfuzaĉo de ĉiuj provoj : alteco, rapideco, kilometrosumigo, k. t. p. »

Tiun impreson mi eksentis tre bone ĉe l'unua apero de aviadiloj kaj ĝi estas mia unua impreso.

Bielovuĉie, pri kiu ĉiu legis la vojaĝdetalojn, alvenis la konkuron per vojo aera kaj komencigis la movadon pri aviado kaj esperigis bonan semajnon pri « cross-country ». Du okazis dum la semajno. La unua de l'flugkampo « Beau Desert » (Bela dezerto) ĝis Arcachon (arkaŝon), la famkonata banurbo kaj reveno ; la dua de « Beau Desert » ĝis Libourne kaj reveno. Dum ĉi tiu la flugistoj estis devigataj transflugi « Gironde », « Dordogne » kaj « Garonne », tri el la plej larĝaj riveroj francaj. La unua 10 kilometra.

La konkurado sukcesis laŭ ĉiuj punktoj kaj kelkaj specialaj rekordoj apartenos al tiu mitingo : 1e nenia falo vundetdonanta krom por l'aparatoj. 2e La Ruĝkruculinoj ne povis flegi iun el la trideko da aviadistoj kiuj ĉiutage superflugis. Tamen kelkaj personoj multe penadis : la kronometristoj kiuj neniam ĝis tiu semajno tiom laboris (3 kajeroj plenigitaj dum 3 tagoj). eĉ en « Reims » oni ne kalkulis tiel grandan sumon da kilometroj.

La Bando montris al Sudokcidento ĉiujn agojn aviadistajn. Van den Born, speciale mirigis la popolamason per siaj superflugoj kun pasaĝeroj. La aviadistaj oficiroj pruvis ke aeroplanoj estas jam aparatoj je kiuj oni devus kalkuli en militokazo. Morane altiĝis ĝis 1.950 mètres ; Aubrun gajnis Pokalon Michelin (317 kilomètres dum 3 h. 45). Tiu lasta venis flugadi super kajoj de Bordeaux kaj preskaŭ ĉe pintoj de l'mastoj. La publiko entuziasmigita kriis, preskaŭ blekis, kiam tie, li svingadis sian poŝtukon por ĝin saluti. Vere, je tiu momento — ĉeestanto, mi estis — ĉiu estus akceptinta esti pasaĝero, tiom la

(1) Ni tute aprobas la ideon de nia korespondanto kaj estus feliĉaj ricevi regulajn diverslandajn korespondajojn pri la tiel grava socia movado *Kooperativismo*.

aerŝipestro ŝajnis majstro en sia arto. Nenian danĝeron oni suspektas; en la birdo estas nenia senriskeco kaj... jen alia impreso.

Medicina Fakultato eĉ, instruiĝis dum nia aviado semajno, kelkaj kuracistoj faris rimarkojn pri alteriĝo je granda rapideco. Oni rimarkis hipertension arterian evidentan: orelzumadoj, vertigoj, dormemo, konjunktivajoj, epistaksisoj, k. t. p. je alteriĝo de Morane, Legagneux, Bregi k. a. Al tiu mitingo, nenio mankis; ĝi ricevis viziton de 4 ministroj kaj dimanĉon 18an, de l'Respublika Prezidanto. Tiu oferis premion specialan (artaĵo de Falize: vulturo kun flugiloj etenditaj) al konstruisto de franca aeroplano kiu dum tiu tago faris tuton el la plej bonaj provoj de rapideco, alteco kaj plej granda interspaco unuflugada.

Pro tia bela manifestacio, per aŭtomobiloj, benkĉaroj, tramvojoj, bicikledoj oni iris al «Beau Desert» amase, dum la oko da tagoj, sed Dimanĉon, ĉar Sinjoro Fallières mensogigis sian reputacion kuntreni kun si venton kaj pluvon al flugistoj, estis nepriskribebla aliro al la aviadkampo.

Blériot gajnis la Prezidantan premion dank'al Morane kiu triumfis inter ĉiuj. Dum la semajno ne estis maloftaĵo vidi 7 aŭ 8 aparatojn kune kaj rekordo tute ne ordinara estas ke nur 15 minutojn dum la tuta semajno la flugirejo restis malplena.

Niaj aviadistoj longe memoros pri akcepto de l'Bordeaux'anoj kiuj ilin festis kiel ili estas indaj. Festenoj, koncertoj, amuzaj kunvenoj okazis kie ĝojo estis ĉiam gasto. Cetere la Bordeaux'anoj havas reputacion esti gajaj. Unu fojon plie ili ĝin pruvis.

Ch. Brunet. (Del. Bordeaux).

### Aviada mitingo en Dijon

De la 22 ĝis 26 septembro okazis en nia urbo tre sukcesplen aviada konkurso kiun partoprenis sep aviadistoj, nome: monoplanoj, Barrier, Simon, kaj Mouthier (Blériot), Hanriot (Hanriot), Blanchard (Chesnay), S-ino Marthe Niel (Kœchlin); biplanoj, Rigal (Sommer), Renaux (Maurice Farman), Martinet (Henri Farman).

Specialajn premiojn ricevis la monoplanoj unuaparte, kaj duaparte la biplanoj. Jen la ĝeneralaj rezultatoj:

*Rapideco.*— Monoplanoj: 1. Hanriot 4' 13" 2. Barrier 5' 17" 3/5; 3. Mouthiers 6' 6" 2/5. Biplanoj: 1. Renaux 4' 36" 2/5; 2. Martinet 5' 37" 4/5. *Alteco.* — Monoplanoj: Hanriot 670 m.; 2. Barrier 130 m.— *Pasaĝerpremio*: Renaux 5' 53". — *Trakampara flugado.* Monoplanoj: Hanriot 11' 55" 1/5. Biplanoj: 1. Renaux 12' 46" 2/5.

Speciale rimarkinda en tiu mitingo estis la bonega eltenado de la monoplano Hanriot majstre kondukata de la filo de konstruisto, la plej juna el la nunaj aviadistoj (16-jara!) Ĉi tiu aparato, kun Clerget'a motoro estas karakterizata per tio, ke ĉiuj direktiloj kaj restarigiloj estas ĉe la ekstremaĵo de la vosto, kaj pro tio estas plej facile kaj sendanĝere kondukebla.

Okaze de la mitingo belegaj festoj altiris pli ol cent mil personojn en la malnovan artplenan ĉefurbon de Burgonjo, mirinde ornamitan kaj lumigitan. La granda sukceso de tiu entrepreno estas ŝuldata al la senlaca klopodado de la komitato kaj speciale de ĝia prezidanto S-ro Lucien Richard, eksiernanto de la Politeknika Lernejo, direktoro de la tutmonde konata fabriko de la Pernot'aj Biskvitoj en Dijon.

Merkredon 28 la aviadisto Martinet sur sia biplano vojaĝis de Dijon al Beaune (40 km. en 42') kie li denove faris ĵaŭdon 29, samtempe kun Hanriot, tre belajn flugojn.

Th. Rousseau. (Del. Dijon).

## MONDLITERATURO

### Novaj libroj, novaj teatraĵoj

Ĉiusomere oni povas vidi nun en Francujo multnombrajn prezentojn efektivigitajn ĉe *plena aero*. Oni elektas ĉu ian ravan pejzaĝon kiel en *Cauterets* ĉu iajn antikvajn murojn aŭ konstruaĵojn kiel en *Orange* aŭ *Carcassonne*, ĉu belajn amfiteatrojn kiel la arenoj de Béziers.

De nelonge daŭras tiu kutimo kaj la urbo Béziers povas tre bone fieriĝi pro tiu grava agado sur la arta kampo, ĉar ĝi estis la unua kiu organizis imponantan prezenton, kaj pro la ricevita sukceso malfermis la vojon al tiuj someraj manifestacioj.

La unua prezento (1898) nomata *Déjanire* estis verkita de S-ro L. Gallet, kaj la muzikon verkis majstro Saint-Saens.

Oni povas diri, ke je la unua fojo oni plene trafis la celon.

Unue ni vidis sur granda flanko de la grandaj arenoj, mirindan kaj grandegan dekoron.

5.000 kvadratmetroj da pentrita tolo etendiĝis ĝis super la plej alta grado. Malsupre estis la palacoj la ĝardenoj kaj loko sur kiu ludis la aktoroj, malantaŭe ni vidis arbareton kaj kampojn, kaj supre la malproksimajn montojn; la perspektivo estis tiel bone difinita, ke vere oni povus kredi tiujn artefaritajn montojn starantaj ĉe multnombraj kilometroj.

Flanke de la plej famaj dramaj aktoroj oni trovis ankaŭ la plej famajn kantistojn. La muziko gvidata de la majstro mem estis ludita per tri militaj muzikoj kaj grandega orkestro de 200 muzikistoj; 30 harpistoj aldonis siajn rovajn akordojn, ne kalkulante ĥorojn de 200 ĥoristoj kaj baleton de 150 baletistinoj.

En tiu grandega plenaera teatro la prezento estis vere mirinda kaj nepre neniam vidita.

De post tiu fakto, oni penis organizi ĉiun jaron eu la Aŭgusta monato novan prezenton de nove verkita verko, kaj aliaj urboj imitis tiun imitindan klopodon.

Tiun ĉi jaron oni prezentis *Heliogabale*, paroloj de *L. Sicard*, muziko de *Teodat de Severac.*

Ili estas du junaj aŭtoroj kies talento sin montras fariĝonta tre lerta. Oni ne povas tamen enkalkuli *Heliogabale* kvazaŭ ĉefverko. Eble la versoj entenas kelkajn riĉajn rimojn sed al la ĝenerala plano de la agado mankas intereso; apenaŭ se la persono de Heliogabal mem — tamen lerte starigita de Sro de Max — sukcesas altiri kaj fiksi nian kuriozan atenton, kaj oni malfacile komprenas la kialon de lia mortigo. Du junaj geamantoj trapasas tra la ĝenerala agado; kaj la kristana fariĝo per baptemo, pro amo, de la amanto, permesas enkonduki scenon de kristanoj en katakombo... (plenaera katakombo !!!) sed tiu fakto estas tute senutila kaj fremda al la dramo.

Oni opiniis la muzikon lerte verkita; mi povos certigi ke ĝi estis tiu jaro multe malpli grava ol en la aliaj prezentoj kaj estis neeble al mi trovi en ĝi ian temon rimarkindan, eĉ grandan efekton facile naskeblan pro la multnombraj muzikistoj.

La plej grava intereso naskiĝis de tiu fakto, ke la tri militaj muzikoj la plej famaj de la Suda Francujo interpretis la verkon: t. e. la muziko de la mara armeo de *Toulon*, la muziko de la artileria lernejo de *Toulouse*, kaj la muziko de 2a regimento de l'ĝenio de *Montpellier*.

Ĉar tiuj prezentoj jam estos mondfamaj, kaj kolektas ĉiujare multnombrajn fremdajn vizitantojn, la urbo Beziers klopodas, por ke ili estu vere indaj de tiu fameco, kaj se la prezento de tiu jaro estis nur duonsukcesa, mi estas certa ke la proksiman jaron ni havos veran ĉefverkon por prezenti al niaj amikoj.

Jen kial mi pensas ke multaj esperantistoj ĉeestos en Beziers dum la tiel nomita festa semajno.

A. Carles.

### Tolstoj kontraŭ la moderna literaturo

Kunlaboranto de « Az Est » el Budapest interparolis kun Leono Tolstoj. La granda filozofo diris al li inter aliaj ke li estas verkonta libron pri la japanaj. Dmandinte la jurnaliston, ĉu la verko estus havonta literaturan gravecon, Tolstoj respondis: « Ne taksu la penadon fari belan literaturon. Hodiaŭ oni bezonas skribi la veron: nur skribinte la veron oni estas senkulpigita. Fine estas afero tre malfacila, ĉar ĉiu vidas per la propraj okuloj, kaj tial ĝi aperas malsimila. La hodiaŭaj literaturistoj verkas nur pro vanteco aŭ spekulacio. Mi same falis komence en tiujn erarojn kaj mi verkis por la samaj motivoj. Sed hodiaŭ mi malamas la tiel nomitan intelektan literaturon kaj egale mi tre malamas la teatron. Nur la religieco kaj vereco decidigis min ankoraŭ klarigi mian literaturan agemon. »

Trad. J. Ippavic (Subdel. Gorizio).

## GEOGRAFIO

### Ĉarma Holanda provinco: Zelando

Ĉu vi konas Zelandon? Zelando unu el la plej belaj provincoj de Holando. Tiu bela martrafluata provinco estas allogo por sam-kaj eksterlandanoj. Escepte la lando, norde de Belgujo, Zelanda Flamandujo, la provinco konsistas el insuloj kaj preskaŭinsuloj, kiuj paradas en la akvoj kiel belaj floroj en plado da arĝento. Ne bone kuŝanta kaj ne havanta bonajn komunikilojn, ĝi restis dum jaroj nevizitata kaj nekonata, sklavo de popola antaŭkondamno laŭ la antikva fabelo.

Zelando estas Nelando! Sed nun ĉio estas alie. La florĝardeno de la Zelandanoj estas nun granda allogo por vojaĝantoj kaj ĉiam pli grandnombre oni venas ĝui la belecon de l'naturo en ĝia tiel granda diverseco. Estas por ĉiu laŭ lia volo. Maron oni trovas ĉe ĉiuj flankoj; belegajn dunojn kaj arbarojn en « Walcheren » kaj Shouwen-Duiveland. Belaj vojoj laŭlonge arbetaroj aŭ arboj estas plantitaj kaj kunligas la afablajn vilaĝojn. Amantoj de belaj domoj kaj monumentoj povas ĝui en Middelburg, Veere Goes kaj Zierikzee.

Kie ne estas dunoj, la lando estas ŝirmata kontraŭ la maro per digoj. La kostoj por tiuj digoj estas altegoj, tamen la tero estas ankaŭ tre fruktodonema. La plej gravaj produktoj estas grenoj, terpomoj, sukerbetoj kaj nun ankaŭ fruktoj. Precipe la terpomoj de « Tholen » kaj la ĉerizoj de « Sud-Bevelando » estas laŭdindaj. Agrabla estas veturi tra la Zelandaj insuloj, agrabla estas ekskurso tra la Zelandaj akvoj, sed la plej ĉefa allogo de Zelando estas sendube la kostumaro de la Zelandanoj mem, precipe de la virinoj. Oni trovas ĉe la Zelandaninoj ne malpli ol ok diversajn kostumojn, ne parolante pri la malgrandaj diferencoj. La plej belaj el ili estas la kostumoj de l'virinoj kaj knabinoj en « Walcheren » kaj « Sud-Bevelando ». Kiam vi volas ĝui belan vidaĵon, tiam vizitu je la vendotago — ĵaŭdo — la ĉefurbon de l'provinco, « Middelburg »; au alie la foiron Middelburg, ĵaŭdon sekvantan la 4an Lundon en la monato julio, en Sonburg, je Pentekosto. aŭ en « Goes » kaj eble ankoraŭ pli bone, vizitu la jaran ekspozicion de la Zelanda terkulturada societo kiu dum 1911a okazos en Middelburg, verŝajne ĉe la fino de Junio aŭ komenco de julio. Tiam vi vidos aron de kostumoj kiun vi ne trovos en ia alia lundo. La plej gravaj partoj en la kostumoj estas la oraj ornamaĵoj kaj tre beleta estas, ke en Warcheren, Sud-Bevelanto kaj Zelanda Flamandujo, la knabinetoj havas la samajn kostumojn kiel la maljunaj virinoj. Kvankam ne la plej granda, Walcheren estas la ĉefa parto de Zelando. Tie oni ankaŭ trovas la ĉefurbon de l'provinco, sendube unu el la plej ĉarmaj urboj. Plej bela konstruaĵo estas la urbdomo, konstruita dum la 16a centjaro. Tie oni trovas la belan « Abdij », kiu estis iam monaĥejo; la societejo « Saint-Joris » kaj la nova preĝejo en kiu estas belaj tomboj skulptitaj kaj kies turo havas altecon da 87 metroj. Grava urbo en Walcheren estas Klissingen (Flesingo). Gi estas industriurbo kaj markuraca loko. El Vlissengen vaporŝipoj iras Londonon. Estas granda ŝipkonstruejo kaj pilotarejo, ĉar Vlissingen ankaŭ estas marurbo. Tie oni trovas la statuon de la fama holanda marheroo M. A. de Ruyter, kiu naskiĝis en tiu ĉi urbo. Aliaj vizitindaj lokoj en Walcheren estas Veere kaj Domburg. Veere estas antikva, pentrida urbeto kaj multaj pentristoj pasigas tie ĉi tempon. Domburg estas malgranda, kvieta markuraca loko kie jam diversaj princoj pasigis sian libertempon, inter aliaj ankaŭ la reĝino de Rumanujo. Carmen Sylva, la fama verkistino, nun ankaŭ Esperantistino. D-ro Mezger certigis ke Domburg ne trovas sian similon je sanigejoj. Nek unu loko el la bordoj de l'Nordmaro, nek al la Atlanta Oceano estas simila al ĝi. Nur kelkaj lokoj el la angla marbordo povas stari en la ombro de la bela Domburg. Kiu amas kvietan nefalsigitan peceton de l'naturo, vizitu la dunaron de Shouwen Duiveland. Tie li ankoraŭ povas vagi dum diversaj horoj ne renkontante ion krom kunikloj. Tial, amantoj de bela naturo, amantoj de belaj kostumoj, amantoj de antikvaj domoj, venu Zelandon. Kiam la sekvantan jaron la sepa internacia kongreso kaj la dua de U. E. A. okazos en Antverpeno, tiam estas bona okazo viziti Zelandon. Faru tiam, kongresanoj ekskurson al Middelburg kiam estas ĵaŭde la vilaĝanoj kaj vilaĝaninoj en la urbo. Kaj se vi havas pli multe da tempo, vi ne bedaŭros pli longan viziton al la ĉarma Zelando.

C. Chr. Droogendijk (Stavenisse)

## La Faktoj

*6 Septembro.* Buenos-Ayres. — La deputataro aprobas novan leĝon pri la propreco literatura kaj arta.

Londono. — Aviadisto Moisant alveturas per aeroplano el Parizo, el kie li forveturis antaŭ 20 tagoj.

7. Londono. — Mortas William Holman Hunt, lasta antaŭrafaela pentristo.

Scheveningen. — Inaŭguro de internacia konferenco pri socialaj asekuroj.

8. Moravio kaj Silezio. — Gravaj inundoj detruas urbojn kaj vilaĝojn.

9. Kreto. — Venizelos eksiĝas el la ofico de prezidanto de la Kreta registaro.

Illinois. — La granda striko de la ministoj de ŝtonkarbo, kiu daŭris de 23 semajnoj, finiĝis.

Issy-les-Moulineaux. — Chavez atingas per aeroplano 2.580 metrojn de alteco.

10. Parizo. — Oni anoncas la elpenson de savilo por la submaraj ŝipoj.

11. Addis Abeba. — Konfliktoj inter la soldatoj partianoj de la regeco, kaj tiuj de Ras Olié partianoj de la frato de l'Imperiestrino; Batalo apud Sokota.

Gaprese. — Inaŭguro de monumento al Miĥelanĝelo.

Bernay (Francujo). — Fervoja kolizio kun 7 mortintoj kaj 32 vunditoj.

12. Irlando. — Aviadisto Lorraine trairas per aeroplano la markolon de Sankta Georgo, larĝan 95 km.

14. Berlino. — Eksplodo de la direktebla aerŝipo Zeppelin VI.

16. Atena. — Remalfermo de la nacia kunveno. La kunsido estas tumulta.

18. Kastelfidardo (Markoj). — Festoj por la 50a datreveno de la batalo de 1860.

Parizo. — Mortas la rusa ambasadoro Nelidoff.

A. Tellini.

## Homara Dataro

*Oktobro* 1, 1507. — Naskiĝas en Vignola (Modena) arĥitekturisto Barozzi. — 1684. Mortas tragediverkisto Petro Corneille. — 1799. Mortas naturisto Brugnieres. — 1828. Mortas en Raveno Antono Cesari predikisto, kritikisto kaj poeto. — 1860. Venko de la Garibaldianoj ĉe rivero Volturno.

2, 1892. — Mortas filozofo Renan.

4, 1743. — Mortas Henriko Careg, poeto kaj komponisto, kiu en 1743 verkis la anglan nacian himnon. — 1812. Mortas en Recoaro skulptisto Kutono Canova. — 1879. Mortas filozofo Tomaso Hobbes. — 1830. Sendependeco de Belgujo.

5, 1879. — Mortas en Cialla (Ghera) afrika esploristo Johano Chiarini (n. en Chieti en 1849).

6, 1799. — Mortas en Napolo sur la eŝafodo filozofo Marjo Pagano.

7, 1409. — Mortas pentristo Karmelitana, Filipo Lippi. — 1571. Batalo de Lepanto. — 1847. Mortas geologiisto Aleks. Brongnart el Parizo. — 1879. Interligo de Germanujo kaj Aŭstrio, al kiu en 1882 aliĝis Italujo.

8. 1351. — Tribuno Rienzo estas inside mortigita en Romo. — 1803. Mortas poeto Viktoro Alfieri.

9. 1828. — Mortas poeto Monti.

10. 1427. — Batalo ĉe Maklodio (Breŝio) inter Venecianoj kaj Milananoj. — 1837. Mortas Karlo Fourier.

11, 1303. — Mortas papo Bonifacio VIII.

12, 1492. — Colombo elŝipigas en la insulo Guanahani, nomita poste Sta Salvador, post 72 tagoj de navigacio. — 1908. Kreta deputataro proklamas la sendependecon de l'insulo.

13, 1820. — Silvio Pellico, poeto, estas arestita en Milano. — 1881. Mortas afrika esploristo Pellegrino Mattencci.— 1909. Ekzekuto de Francisko Ferrer sur la fortikaĵo de Montjuic (Barcelono).

14, 1637. — Mortas poeto Gabrielo Chiabrera (nask. 8-VI 1552 en Savono), imitanto de Pindaro kaj Anakreonto. — 1857. Mortas Germana pajzaĝpentristo Kristiano Clausel Dahl.

15, 1608. — Naskiĝas en Faenzo fizikisto Evangelisto Torricelli, elpensinto de la barometro. — 1793. Senkapigo de reĝino Mario Antonieto.

A. Tellini.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

*OFICIALA INFORMILO*

### ADMINISTRA FAKO

**Voĉdonado.**

La definitivaj rezultatoj de la voĉdonado pri la nova Statuo de U. E. A. kaj la kotizaĵoj por 1911 aperos en nia venonta no. Tamen, laŭ la voĉdoniloj ricevitaj ĝis la 27a de septembro ni povas diri, ke la nova Statuto kaj la kotizaĵoj proponitaj por 1911 estas akceptitaj per granda plimulto.

**Gravaj avizoj.**

∴ La venonta *Oficiala Bulteno* (No 9), kiu enhavos ĉiujn necesajn informojn pri la administrado, rezultanta de la nova Statuto kaj de la novaj kotizaĵoj, estos sendata dum la monato oktobro. Ĝi estos akompanata de ĉiuj dokumentoj necesaj por la agado dum 1910-1911. La preparado kaj forsendado de tiuj dokumentoj estas sufiĉe longa. Tial ni petas niajn Del., ke ili bonvolu pacienci ankoraŭ dum kelkaj tagoj.

Mallonge, la nova administrado estos karakterizata per la jenaj ŝanĝoj. La membrokartoj kaj Jarlibroj estos sendataj senpere de Ĝenevo al ĉiuj membroj. La ĝisnuna sistemo de numerado de la regionoj estos forigata. La membroj estos numerataj de 1 ĝis senfino, laŭ sia aliĝo. Ĉiu Del. ricevos senpagan kvitancaron. Al ĉiu aliĝanto li donos provizoran kvitancon. Post ricevo de la membrolisto, ni sendos al ĉiu membro lian karton kaj Jarlibron.

∴ Por la venonta Jarlibro, ni petas, ke ĉiuj Del. aŭ Esp. Of. kiuj havas telefonon hejme bonvolu tion konigi al ni kun la no, kiel ke ni povu aperigi tiun utilan informon en la Jarlibro.

**Reklamo en la Jarlibro.**

Ni memorigas, ke ni akceptas anoncojn por la Of. Jarlibro ĝis la 5. Novembro Ĉar ni povas garantii *minimuman* presadon de 8.000 ekz., kiuj estos sendataj al ĉiuj Esp.-ianoj, sekve en ĉiuj anguloj de la terglobo, estas superflue rimarkigi la profitojn, kiujn prezentas anoncado en ĉi tiu verko. La tarifo de la anoncoj estas jena: 1 paĝo, 20 Sm.; 1/2 paĝo, 10 Sm.: 1/4 paĝo, 5 Sm.: 1/10 paĝo, 2,50 Sm. Duliniaj anoncetoj: 80 Sd. Rabato da 10 0/0 por ĉiuj Esperantiaj Entreprenoj por 1910 aŭ 1911.

**Nacilingvaj adresaroj.**

Sekve de la deziresprimo de la Kongreso, laŭ la propono de S-ro Renaud-Richez, Del. en Peruwelz kaj klopodoj de S-ro D-ro Orthal, Del. en Nürnberg, la redakcio de la konata tutmonda adresaro C. Leuchs & Co afable akceptis presigi la nomojn de la Del. de U. E. A. en la venontan eldonon de sia adresaro. « Tiun ĉi belan sukceson, skribas nia Del. en Nürnberg, ni dankas al S-ro Richez, kiu direktis mian atenton sur la nomitan entreprenon per alskribo kaj per publikigo en la lasta no de *Esperanto.* » Ni aldonas niajn gratulojn kaj esperas, ke niaj Del. klopodos al la aliaj nacilingvaj adresaroj por la sama celo.

**Citoj.**

Konforme al § 19 de la Statuto, la jenaj Del. estas citataj pro nerespondo al du sinsekvaj avertiloj pro nepago de sia debito ĉe la centra kaso de U. E. A.:

39. S-ro L. V. Abbot, Del. en Tabor (I-a cito). — 40. S-ro J. Barclay de Toly, Del. en Winnitza. — 41. S-ro S. Baudin-Aguero, Del. en La Guardia. — 42. S-ro de Bulyovszky, Del. en Budapest. — 44. S-ro Cikhart, Del. en Tabor. — 45. S-ro Cowles, Del. en Chardon. — 46. S-ro Duckers, Del. en Carlisle. — 47. S-ro Duguid, Del. en Aberdeen. — 49. S-ro Fahrni-Diebold, Del. en Zofingen. — 50. S-ro J. Dominguo Fernandez, Del. en Chiclana. — 51. S-ro O. Fillstrom, Del. en Carlshamm. — 52. S-ro Gaillot, S.-Del. en Saint-Maur-les-Fossés. — 53. S-ro F. Garcia y Ruis, Del. en Medina del Campo. — 54. S-ro F. Geisselreiter, Del. en Lomnice-sur-Popelka. — 55. S-ro P. Gerlings, Del. en Almelo. — 56. S-ro Gimeno, Del. en Alcaniz. — 57. S-ro Gonzalez-Rivero, Del. en Tenerife. —

## Esperantiaj Informoj

**Bordeaux** (France). — Okaze de l'alveno en tiun urbon de Bievoluĉic per aera vojo, de Paris ĝis Bordeaux, la delegito, unu horon post l'alteriĝo sendis sian vizitkarteton kiu montris lian titolon, kun gratulvortoj al la fama aviadisto. Li skribis duonfrance, duonesperante gratulante la birdhomon je l'nomo de l'popolo esperantista kiu tiom ŝatas progreson.

Li uzis l'okazon por sendi la gvidfolion de Bordeaux kaj la broŝuron franclingvan de U. E. A. kaj ĝiaj servoj.

Imitinda ekzemplo.

**Bruselo** (Belgujo). — La hotelo « Metropole » publikigis ĉarman ilustritan gvidlibron, kies teksto estas redaktata, parte Esperanto, parte nacilingve. — Aliparte gvidfolio de l'urbo aperis.

**Cartagena** (Sud.-Or. Hispan.). — La gazeto *El Porvenir* publikigis bonegan artikolon pri nia Kongreso, verkitan de nia fervora Del.

**Dijon.** — Okaze de la aviadaj festoj organizitaj en nia urbo la 22-26 septembro, la Delegito de U. E. A. kaj la sekretario de la Esp. grupo interkonsentis por inviti la esperantistaron de la ĉirkaŭaĵo kaj plifaciligi al ili la ĉeeston en Dijon ĉi tiun tagon. 150 samideanoj alvenis, profitante la rabatbiletojn konsentitajn de la fervojaj kompanioj al la esp. grupoj, kaj tuj ricevis en la Esp.-Of. esp. monoformatan programon pri la festoj, manĝoj rendevuejoj, k. c. Post la amika manĝo en la restoracio *Pré-aux-Clercs* kiun partoprenis pli ol 80 samideanoj, monkolekto produktis monsumon da 4 Sm. el kiuj 2 estos por la kaso de la Burgonja Federa-

## TRA LA
# Esperanta Literaturo

Unu el niaj konataj samideanoj bonvolis preni sur sin la taskon prezenti al nia legantaro la plej interesajn verkojn de nia Esperanta literaturo. Serioza kaj senpartia kritiko estas ja necesa por la Esperanta verkaro, kiel por la nacilingva kaj oni povas plendi, ke ĝis nun la kritiko de niaj Esperantaĵoj estis iom tro unuforme senkolora kaj sisteme indulga. Ni esperas, ke niaj legantoj kun plezuro legos tiun novan rubrikon.

(Red.)

**La Devo, parolado de E. Naville,** *tradukita de René de Saussure (Ĝenevo, librejo Kündig).*

Cu vi ŝatas la verkojn pri morala kaj religia filozofio? Legu la *Devo'n* de l'fama Ĝeneva filozofo Ernest Naville (1816-1909) honora prezidinto de la Svisa Esperanta Societo. Ĉu vi ŝatas Esperanton de l'Fundamento, de la Krestomatio, de Hamleto, de Ifigenio, tiun de Kabe kaj de tiom da aliaj stilistoj prave altestimataj? Ĝin vi ofte malkovros sub la plumo de S-ro de Saussure kaj pro tio vi ĝuos veran plezuron. Sed tro ofte, ho ve! (pardonu al mi mian iom krudan sincerecon), tiu eminentulo, tiu akademiano, tiu fidela, fervora kaj laborema esperantisto donas ekzemplon, kiun mi trovas des pli danĝeroplena, ke pli alta estas lia aŭtoritateco, miksanta, pro erara plibonigemo, la malbonon kun la bonego. Bonega estas la stilo de la supre nomitaj aŭtoroj kaj verkoj kiun S-ro de Saussure konas kaj uzas laŭvole tiel lerte kiel iu ajn; sed malbona estas Esperanto de Antido, t.e. persona lingvo, kiu ne plu tute estas nia Esperanto.

La Devo estas klara kaj elokventa disertacio pri la spiritualista doktrino de la devo, en formo de parolado *adresita* (?) al sinjorinoj en Ĝenevo kaj en Laŭzano dum la vintro de 1867-1868.

Tiu 152-paĝa verketo estas dividita en 4 ĉapitroj. En la unua, kiun mi plej speciale ŝatis, la verkinto esploras la moralajn doktrinojn de Aristipo, Epikuro, Zenono kaj Sokrateso, kiuj estas kvazaŭ kvar ŝtupoj per kiuj la antikva filozofio sin levas al la kompreno de l'Devo. Ankoraŭ nuntempe ĉiu sistemo havas siajn nekonsciajn disciplojn; aŭ, pli ĝustadire, ĉiu el ni, eĉ la plej saĝa, povas okaze « momente refali malsupren ĉiujn la ŝtupojn de la vivo morala ».

En la dua ĉapitro, la verkinto sin demandas, kia estas la konsisto de l'devo. Li konkludas ke la devo estas la parto de ĉiu en la plano de Kreinto. El tiu ideo devenas la grandeco kaj beleco de la devo:

« La radio de eterna majesto estigas ĉion brilega. Vidu kio okazas kelkafoje en unu el tiuj tagoj, kiam naturo estas malbrila, sen beleco, sub la vualita kaj unutona lumo de griza ĉielo. La nubo disŝiriĝas, suno ekaperas: kiel ĉio brilegas tiam! La folio el arbo, la branĉo kiu ĵus estis nigra, la akvoguto, kaj eĉ la polvo fariĝinta brila kaj ora per *sublevado de la kiuj ĝin* piedprenis! Tiu sunradio, kiu nobligas kaj transformas ĉion, tia estas la volo de Dio, konsiderata en ĉiuj devoj, kiuj ajn ili estas (p. 77) ».

La celo de la devo estas realigo de l'bono. La serĉado al plezuro naskas nur disreviĝojn; sola la plenumado de la devo ebligas, ke ni eliru el la « kaverno de la vivo » kaj rigardu la veran sunon (3a k. 4a ĉap.)

El la ĵus citita loko oni povis vidi kiel E. Naville miksas poezion kun filozofio, sed ankaŭ kiel Antido miksas sian stilon kun tiu de la bonaj esperantistaj verkintoj.

La tre interesaj (kaj ĝenerale akceptindaj) teorioj de Antido en lia ĵus aperinta verketo pri la Logika konstruo de l'vortoj en Esperanto neniel pravigas la sisteman anstataŭigon de *tiu* per *la*, de *ĝia* per *ties*, barbarajn pleonasmojn kiel *post ol plenuminte*, la plej ofte senutilan duobligon de la prepozicio (*de kun, de el, post ol...*), la tute arbitran uzon de l'punkto renversita post *c, g, j, s* (kial ne post *u* mallonga?), nek la kriplajn versojn, per kiuj Antido tradukas la citaĵojn el Racine kaj Molière.

Pro tiu submetiĝo al ia sistememo kaj iluzia plibonigemo, la tradukinto iom malgrandigis la valoron de sia verko kaj tion mi sincere bedaŭras.

⁂

*La construction logique des mots en Esperanto,* par Antido. — Universala Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse, Genève. Prezo: Sm. 0,65. Esperanta resumo (Sm. 0,10)

Jen estas, laŭ mia opinio, la plej grava el la jam de longe eldonitaj verkoj pri nia lingvo konsiderata de objektiva kaj teoria vidpunkto. Vero estas, ke aliaj kritikistoj entreprenis tian studadon, sed ili rigardis Esperanton el ekstere, kun la kaŝita penso ĝin trovi erara kaj mankhava. El la altega pinto de sia « logikoza » filozofio, ili elforĝis aprioriajn regulojn pri derivado, poste ili riproĉis Esperanton, ke ĝi ne obeas tiujn regulojn.

Kiom pli modesta, samtempe pli vere scienca estas la metodo kiun uzis Antido! Per analizo penetranta (eĉ iom subtila) de nia lingvo li fine konvinkiĝis ke la strukturo de Esperanto estas bazita « ne sur la vortderivado, sed sur la logika konstruo de ĉiu vorto konsiderata kiel memstara kaj sendependa ».

Oni eble rimarkigos ke la unua-, eĉ la duahoraj Esperantistoj tion scias jam antaŭlonge, sed estis utile, ke tiu principo estu proklamita kaj klare formulita de sciencisto, kiun oni ne povas kulpigi je blinda fido kaj kruda fanatikeco.

Kiel ĉiuj logikemuloj, Antido sin lasas fortiri tro malproksimen per siaj teorioj. Sed, post tiu rimarko, estas juste deklari ke lia verketo metas la diskutadon sur la sciencan kampon kaj pruvas ke, eĉ sur tiu kampo, Esperanto povas batali kaj triumfi.

Jen estas resume la esencaj kaj fundamentaj ideoj de tiu verko:

1e La Esperantaj lernolibroj instruas ke *o* montras substantivon, *a* adjektivon, k.t.p., sed ili forgesas konigi la internan sencon de tiuj finiĝoj.

Efektive *o* enkondukas ne nur la gramatikan komprenon pri substantivo, sed ankaŭ ideon pri ulo aŭ pri *aĵo* (abstrakta aŭ materia). — *A* enkondukas ideon pri *eco* aŭ pri *rilato al.* — Verba finiĝo, ĝeneralan ideon pri *agado* (9/10 foje) aŭ pri *stato.* — *E* almetas ideon pri *maniero,* k.t.p. (vid. p. 9-10).

2e Same kiel pentristo kiu faras pentraĵon per koloriloj kaj ilin ĝustege dozas por ricevi la celitan efekton, tute same la esperantista verkisto dozas la radikvortojn, afiksojn kaj gramatikajn finiĝojn, gvidate de ambaŭ jenaj principoj kiuj interbatalas kaj sin reciproke kompletigas:

*a)* Enkonduku ĉiujn radikvortojn, afiksojn kaj finiĝojn necesajn al la klara kaj plena esprimo de la ideo.

*b)* Ne esprimu dufoje la saman ideon en unu vorto kaj ne enigu en la vorton fremdajn ideojn.

Tiu teorio akordiĝas kun tiu de ĉiuj kompetentaj esperantistoj. Tion ja skribis Kabe, en pli ĝenerala formo, al la Floraj ludoj de Barcelono: « la bona stilo estas bazita ĉefe sur simpleco kaj natureco kaj por tio en Esperanto la plej bona rimedo estas: lerta evitado de nenecesaj sufiksoj, kunmetitaj vortoj kaj tempoj ».

Tiuj ideoj ŝajnas al ni akceptindaj, ĉar ili estas konformaj al la Fundamento kaj al la bona uzado. Sed mi petas la permeson fari kelkajn kritikojn pri detaloj kaj prezenti diversajn aldonajn rimarkojn, kiujn al mi sugestiis la atenta legado de l'verketo.

1e Oni ne devas forgesi ke, same kiel la Esperantista popolo estas la plej libera kiu iam ekzistis, la lingvo Esperanto, bildo de tiu popolo, estas la plej libera el ĉiuj estantaj lingvoj. Krom la 16 reguloj de sia gramatiko, ĝi obeas nur logikon kaj klarecon.

La individualismo de vortoj tie atingas la plej altan gradon. La vortoj ne influas (gramatike) unu la alian; ili havas sendependan propran forton. Kiel la filozofo Bias, ili portas kun si sian tutan havon.

Ĉi tie la vorto estas sendependa en la propozicio, la propozicio estas sendependa en la frazo. La verbo ne influas sian komplementon, ĉar la komplemento kunportas la signon de sia logika rilato kun la verbo. La propozicio regas nenian kazon; la konjunkcio postulas nenian modon. Nur la ideo estras absolute.

Tiu liberdona principo potencas, superregas la tutan Esperanton. Tion forgesante, oni riskas malsimpligi la lernadon kaj instruadon de nia lingvo kaj malfermi la pordon al subtilaĵoj aŭ eraroj.

2e Antido aljuĝas tro grandan gravecon al la divido de l'vortoj en simplaj radikoj, afiksoj kaj finiĝoj. Vero estas ke tiu divido estas oportuna, sed ĝi ne estas absoluta, almenaŭ por la radikvortoj kaj afiksoj.

Preskaŭ ĉiujn afiksojn oni komune uzadas kiel radikvortojn, ekz. male, dise, eco, aĵo, ilo, k.t.p., k.t.p. Male, pluraj radikvortoj ludas afiksan rolon: prun*arbo,* Rus*lando,* ban*loko,* naz*tuko,* vel*ŝipo,* vir*bovo*...

Tiu rimarko havas gravajn konsekvencojn. Unue, estas nenia diferenco ĉe la interpretado de vortoj derivitaj kaj de vortoj kunmetitaj. La serioj junulo, prunujo, Rusujo, banejo, botejo — kaj junhomo, prunarbo, Ruslando, banloko, botfirmo egalvaloras laŭ vidpunkto de la vortkonstruo. Nur pli precizaj estas la vortoj de la dua serio.

Sekve, oni povas indiferente konsideri kiel ĉefan aŭ kiel determinan la unuan aŭ la duan parton de tiaj vortoj.

Rezultas ke *armilo* (sola makulo kiun Antido trovas en la Esperanta vortfarado!) estas tiel same logika kiel *batalilo* aŭ *tranĉilo.* En tiu vorto estas nur tio, kion oni metis en ĝin, t.e. ideo pri *ilo,* limigita per la determinanto *arm,* tute egale ĉu *arm* estas verba aŭ substantiva radiko.

Tiu frazo de Antido: *La ideo estas esence entenata en la lasta de la simplaj radikoj... la unua radiko montras la esencan atributon, per kiu tiu ideo apartiĝas de la aliaj samasecaj* (p. 37) taŭgas tiel bone por *armilo* kiel por *vaporŝipo.*

Esperanto estas kunfleksia lingvo, sed ankaŭ aglutina lingvo (vid. Fund. Krest. p. 248), kaj ĉiuj nedifekteblaj, neŝanĝeblaj elementoj el kiuj ĝi konsistas kaj kiuj enteniĝas en la vortaro posedas egalan gramatikan indecon.

3e Konsekvence, ankaŭ al la vortara klasifiko Antido aljuĝas tro gravan rolon. Sendube tiu klasifiko en substantivaj, adjektivaj, verbaj radikoj estas oportuna, eĉ utila. Sed ĝi taŭgas nur en la vortaro, t.e. kiam la vorto ankoraŭ tuŝas la teron, sed tuj kiam ĝi flugas sur la lipoj (aŭ ĉe la plumo), tiun klasifikon oni elforgesas, kiel oni forgesas ke fluganta aeroplano posedas radojn por ekflugi. Pro tio la Esperantistoj estas pravaj, malkonfuzante vortojn kiel *bon*o kaj *bon*eco, *faci*lo kaj *faci*leco, *ver*o kaj *ver*eco, k.t.p., kiujn tro facilamine konfuzas la Antida sistemo, ne sen malutilo por la klareco.

Multajn aliajn rimarkojn mi povus ankoraŭ fari; sed mi eble jam trouzis la paciencon de la leganto. Mi preferas konkludi per tiuj gravaj aprobindaj paroloj de Antido;

Ĉiam ĝi estos la granda supereco de l'genio de Zamenhof, ke li sukcesis doni al Esperanto la logikan meĥanismon plej konforman al la natura homa lingvaĵo: pro tio ĝi venke rezistos al la plej penetrema logika analizo (p. 72).

Tian verkon nepre devos legadi kaj meditadi ĉiuj esperantistaj verkistoj kaj instruantoj.

VERTO.

De nia venonta No, ni komencos la publikigadon de nova felietono, nome;

**La suferoj de juna Werther,** de Goethe, tradukita el Germana lingvo de S-ro Usinger.

Ni ne dubas, ke niaj legantoj plezure legos tiun tradukon de epokfarinta verko.

## Esperantianoj!

**Ĉiam memoru ke, kiam vi petas servon de Delegito de U. E. A. vi devas skribi sur internacia respond-poŝtkarto aŭ sendi markon aŭ kuponon por la respondo.**

cio, kaj 2 por la Aviada Premio fondata de U. E. A. okaze de la internacia flugado organizota de la gazeto *Le Journal*.

Vespere okazis alia frata manĝo kaj ĝoja kunveno en kafejo Georges. La multeco de la verdaj steloj estis tre rimarkita la tutan tagon ĉu en la urbo ĉu en la aerodromo, kaj per tiu imitinda iniciato, la Burgonja fed. kaj U. E. A. donis novan ekzemplon de bona kunlaborado por la propagando de nia afero kaj por utilo al siaj membroj.

Speciale notinde estas ke la Del. de U. E. A. ricevis kiel korespondanto de *Esperanto* gazetistan enirkarton por la mitingo.

**Grenoble** (Sud.-Or. Franc.). — Ĵus aperis *Universitata gvidfolio*, kiu klarigas la tutan organizon de la kursoj speciale starigitaj de 14 jaroj por la fremdaj studentoj dezirantaj akiri perfektan scion de la franca lingvo. Plie ĝi montras ĉiujn allogaĵojn, kiuj altiris al la ĉarma urbo Grenoble multajn fremdajn studentojn (pli ol 1.100 en 1909) inter kiuj jam kelkaj Esp-istoj. Ni esperas, ke multaj petos tiun gvidfolion sendatan senpage de la Sekr. S-ro Roy (3, rue Anthoard, Grenoble) kaj tiel helpos varbi al nia afero la potencan societon, kiu estas en Grenoble la Protekta Komitato por fremdaj studentoj. (Komunikita.)

**Hamburg** (Nord. Okc. German.). — Nia Del. komunikas al ni kelkajn informojn pri la reveno de D-ro Zamenhof kun edzino, de S-ino Hankel, de F-noj Jahns kaj D-ro Arnhold, el Washington. Agrabla akcepto estis aranĝita je la honoro de la gastoj. Post diversaj parolodoj kaj rakontoj pri la Kongreso, sekvis kantoj kaj deklamoj.

Ni aldonas, ke nia fervora Del., S-ro Vogler, ricevis la premion de la Komerca ĉambro en Washington por artikolo pri la utileco de Esp. por komerco. Niajn gratulojn.

**Laveno** (Orient. Ital.). — Nia ĝenova turisma konsulo, S-ro Fasce, dum li libertempis en ĉi tiu ĉarma urbeto faris paroladon pri Esp. kaj pri U. E. A. en ĉambro de urbaj lernejoj. Tuj poste li instruis elementan kaj precipe laboristan kurson kaj fondis novan esperantian asocion « Lavena Esperanta Grupo ». U. E. A. akiris tiel, preskaŭ tridek novajn membrojn en duono da monato.

**Le Creusot** (Burgonjo). — Le *Journal du Creusot* publikigis serion de artikoloj, en kiuj Esperantiano en tre vivanta maniero rakontas pri la Augsburga Kongreso kaj postkongresa vojaĝo per U. E. A. Ni estas certaj ke tiaj artikoloj kun konkreta enhavo multe pli utilas ol longaj « sciencaj » disertacioj pri la problemo de internacia lingvo.

**Lisboa** (Portugalujo). — La *Boletim da Associaçao Commercial de Lojistas*, aperigis bonegan artikolon pri Esperantismo kaj U. E. A. verkitan de S-ro J. Carvalhido. Aliparte nia nova Del., S-ro Martino d'Almeida publikigis en *Diario de Noticios* tradukon de la artikolo de nia kunlaboranto Privat, en № 79 de *Esperanto* (franca eldono) pri « la du mentalecoj ».

**Mexico** (Meksikujo). — *El Tiempo* daŭrigas publikigi sub speciala rubriko artikolojn pri nia Asocio.

**Portland** (Oregon, Usono). — Luksa gvidlibreto ilustrita kun Esp. teksto ĵus aperis. En ĉi tiu regiono U. E. A. havas jam dudekon da membroj.

**Porto Ajegre** (Brazil.). — Nia fervora Del., S-ro Furtado sendis al ni tre interesan raporton pri sia agado. U. E. A. rapide disvastiĝas en tiu urbo, kiel en multe da brazilaj lokoj.

**Sheffield** (Anglujo). — *The Sheffield Weekly News* publikigas regule Esp. redaktitan kronikon. En lasta n°. Esp-iano rakontas kiel U. E. A. helpis al li dum vojaĝo en Holando, kiun li faris instigite de Esp. gvidlibro. Li finas rekomendante aliĝon al U. E. A. Tiaj artikoloj estas imitindaj !

**Warwick** (Aŭstralio). — Bona artikolo pri U. E. A. kaj Esperanto en *The Warwick Argus*. Ni plezure konstatas la regulajn progresojn de nia Asocio en Aŭstralio.

ESPERANTISTAJ MANIFESTACIOJ

# LA SESA ESPERANTISTA KONGRESO

Ni eltiras el *La Simbolo* la jenan resuman kaj vivantan rakonton pri la Sesa.

Jen pasis la Sesa ! La mondkongreso de la Esperantistoj en Usono jam fariĝas historio !

Sabaton la 13-an de Aŭgusto, alvenis ĉe la Washingtona stacidomo D-ro Zamenhof, lia viveca edzino ; Kolonelo Pollen, prezidanto de la Brita Asocio ; S-ro Mann, redaktoro de « Brita Esperantisto » ; S-ro Rollet de l'Isle, de la Scienca Asocio, kaj aliaj esperantistaj eminentuloj.

Jen la momento, por kiu ni usonanoj tiel longe kaj senpacience atendis ! Entuziasmege la ĉeestantoj laŭte ekkriis : « Vivu ! Vivu Zamenhof ! » Por la unua fojo en Usono oni aŭdis tiun vivigan krion.

Preskaŭ la tuta esperantistaro de l'urbo iris renkonti la Majstron ; inter aliaj : D-ro Yemans, vic-prez. de Esp. Asocio de Norda Ameriko ; Kapitano Perogordo, vic-prezidinto de l'Kvina Kongreso ; D-ro Mybs, de la Konstanta Komitato de l'Kongresoj ; S-ro Chavet, de la Centra Oficejo ; kaj ges-roj Reed, de l'Organiza Komitato.

Post vespermanĝo ĉe l'hotelo Arlington, raportisto de ĉiutaga ĵurnalo « The Star » petis interviuvon.

« Tio, kio plej multe min impresis, tuj kiam mi metis piedon sur teron en la nova mondo », diris la Doktoro ; « estas la sento de libereco, kiu kvazaŭ vibras en la aero usona kaj kiu aperas videble sur preskaŭ ĉiuj vizaĝoj, kiujn oni renkontas sur la stratoj. Ankaŭ min multe frapis la viva nerva energio, kiu evidente instigas ĉiun amerikanon. « Estas por mi kvazaŭ tute nova lando, al kiu mi ankoraŭ ne tute alkutimiĝis. Nov-Jorko estas urbego tiel kolosa, tiel dinama, tiel tute malsimila je kiu ajn eŭropa urbo, ke ĝi inspiras ĉe mi nevenkeblan miron. « Kvankam la Esperantista movado en Usono estas ankoraŭ tre juna, ĝi jam montras grandan vivpovon, kaj promesas vastan progresadon. « Eble la plej grava faro por la disvastiĝado de nia afero estas la kuraĝigo kaj kora kunhelpado de la tutmondo gazetaro, kaj poste la simpatio kaj aprobo de ĉiuj lernejoj kaj kolegioj. Ke nia lingvo Esperanto tiom penetru en la lernejojn de Usono, kiel ĝi jam pli kaj pli penetras en multajn lernejojn en Eŭropo, tio estas la plej kara revo de nia tuta esperantistaro. » Kompreneble D-ro Zamenhof parolis Esperanton. « Mia kono pri la angla estas teoria, » li diris angle, en la komenco de l'interviuvo, zorge elektante ĉiun vorton. « Mi ne povas interparoli per tiu lingvo. La vortoj venas tre malrapide. Mi preferas uzi mian propran. » Kaj, laŭ la raportisto, tion li tuj ekfaris, kun tiom da viveco kaj rapideco, ke D-ro Yemans, kiu tradukis, povis malfacile sekvi lin.

Pli malfrue ĉe la hotelo okazis neformala akcepto, en kiu la delegitoj ekkonatiĝis unu kun la aliaj.

DIMANĈON LA 14-AN

Ĉe la Episkopa preĝejo de Sto. Paŭlo, Pastro Paul F. Hoffman, el Baltimoro, legis Esperante la Diservon kaj la preĝojn ; Pastro James L. Smiley, el Anapolis, predikis. La Esperantistoj ĉeestis grandnombre kaj atente sekvis la respondojn en Esperanto. D-ro Smiley diris : « Kiel la Romanoj estis forte antaŭenpuŝantaj de granda deziro progresi, pligrandigi sian imperion, konstrui novajn vojojn, plivastigi la uzon de siaj instruleĝoj, tiel same la moderna mondo senlace klopodas efektivigi la aerflugadon, eltrovi ĉiujn sekretojn de la Naturo, kaj ricevi unu solan internacian lingvon — ĉio ĉi havanta la nepran tendencon starigi tuthoman interfratecon. »

Vespere okazis koncerto ĉe Arlington. Partoprenis S-ino F. A. Williams, el Wheeling, West Va. ; F-ino Agnes Preston, el Riverdale, Md. ; kaj S-ro Herbert Herbert Harris, el Portland, Me. ; F-ino Cora S. Butler, el Nov-Jorko, kun mandolino ; F-ino A. F. Mears, el Detroit, kun piano — solistoj. Kvarteto, konsistanta el S-ino Williams, F-ino M. K. Anaker, el Pittsburg, S-roj E. Newell, el Center Sandwich, N. H., kaj C. A. Wyrick, el Chicago, faris tre plaĉan impreson. Kantis S-ino Williams ankaŭ novan esperantan kanton, « L'Ekzilo, » kiun komponis Profesoro Querino, el Rio de Janeiro, kiu kunludis. Kolonelo Pollen kaj S-ro Richard Sharpe, el Anglujo, kaj F-ino Anaker deklamis. S-ro Mann, redaktoro de « Brita Esperantisto, » prezidis.

LUNDON LA 15-AN

Diras la « Star » : La Sesa Mondkongreso oficiale malfermiĝis hodiaŭ matene per la solena kunsido, kiu okazis je la 10-a en la granda salonego de la Arlington. Estis vivoplena kaj interesa sceno. La granda ĉambro estis tiel plena, ke multaj samideanoj devis stari. Laŭta aklamado aŭdiĝis kiam eniris D-ro Zamenhof, la amata Majstro.

Sur la estrado jam sidis multlanda kaj pitoreska kompanio, konsistanta el la oficialaj reprezentantoj de la diversaj registaroj, la diverslandaj vicprezidantoj kaj delegitoj, inter kiuj videblaj estis diversaj oficiroj, kaj du Ĥinoj en nacia kostumo.

Post kiam Kap. Perigordo formale malfermis la kunsidon, D-ro Hale, reprezentanta S-ron John E. Barrett, Ĉefon de la Internacia Oficejo de la Amerikaj Respublikoj, oficiala Prezidanto de la Sesa diris esperante al la kongresanaro kelkajn korajn vortojn de bonveno en Usonon.

D-ro Yemans, vicprez. de la Kongreso, legis telegramon de S-ro Barrett, kiu bedaŭris, ke la devo lin malhelpas persone partopreni, kaj invitis la ĉeestantan samideanaron al solena akcepto merkredon vespere en la salono de la Internacia Oficejo, kiam li povos mem saluti ilin. D-ro Mybs tiam paroladis kaj esprimis bedaŭron pri la foresto de G-lo Sebert kaj Rektoro Boirac, kaj faris proponon — aklame akceptitan — ke la Kongreso sendu al ili telegramojn pro manko de la grandegaj servoj, kiujn ili dum la pasinta jaro faris al Esperanto per sia sindonema laborado.

S-ro Chavet nun faris la kontentigan sciigon, ke la Sesa superis ĉiun ĝisnunan Kongreson pri la nombra de Registaroj reprezentataj, entute dekunu ; t. e., Brazilo, Gvatemalo, Ĥinujo, Hispanujo, Honduraso, Kosta-Riko, Meksiklando, Persujo, Rusujo, Urugvajo, Usono (Armeo, Maristaro, kaj Internaj Aferoj). Ankaŭ la ŝtatoj Sud-Karolino kaj Florido sendis oficialan delegiton.

Speciale kurioza par la aŭskultantaro estis la parolado, kiun faris ĥinalingve la ambasadoreja sekretario Lu Ping Tien. S-ro Mello Souza sciigis, ke la Brazila registaro jam en Esperanto metis afiŝojn en la publikaj telegrafejoj kaj telefonejoj. Kap. Perigordo diris, ke la Reĝo Alfonso XIII per persona letero rekomendis la lingvon al sia Ministro de Internaj Aferoj.

Poste S-ro Chavet legis la diversajn salutajn telegramojn ricevitajn. Ili venis el ĉiuj landoj, montrante la veran disvastecon de la movado.

Sekvis la solena parolado de la Majstro, kio ĉiujare estas la plej interesa afero de la Kongresoj. Varmega aplaŭdado salutis la multajn trafajn vortojn, per kiuj la amata Doktoro karakterizis la ĉefajn punktojn de nia lastatempa agado.

Entute, tre sukcesa kaj promesplena estis la malfermo de ĉi tiu grava Kongreso, kiu sendube multe antaŭenigos la aferon tra la tuta mondo.

Dum la posttagmezo la diversaj naciaj delegitoj faris raportojn pri la movado en aliaj landoj kaj vespere la kongresanoj ĝuis tre agrablan ekskurson per la vaporŝipo « St. Johns » sur nia bela Potomac. Enŝipiĝinte precize je la sunsubiro, la ekskursanaro dum kvar horoj vojaĝadis laŭ la rivero ĝis Indian Head kaj reen al la kajo. Ili vidis la Militkolegion, la malnovan vere antikvan monitoron « Puritan, » la noblan kolonian domon de Washington, kaj ĉiujn belaĵojn viditajn ĉe lumo de la luno. Ĉe la antaŭa pinto de la ŝipo flirtis la bela Esperanta standardo, kaj la ekskursanoj kantis « La espero » kaj aliajn Esperantajn kantaĵojn kaj dancis harmonie al kelkaj Esperantaj arioj.

Oni ĉe la posttagmeza kunsido prezentis al Doktoro Zamenhof specialan oran insignon, per D-ro E. C. Reed

MARDO LA 16-AN

Hodiaŭ matene okazis neniu ĝenerala kunveno de la Esperantistoj, sed anstataŭ tio la delegitoj kunvenis en sekciaj kongresetoj. El tiuj ĉi la plej grava estis la kunveno de la Lingva Komitato, kiun prezidis D-ro Zamenhof mem.

Ĉe tiu ĉi kunveno la plej grava afero estis la legado de la raporto de la prezidanto de tiu komitato, S-ro Boirac, Rektoro de la Dijon Universitato, kiu bedaŭrinde ne povis ĉeesti. D-ro Zamenhof ankaŭ resumis la punktojn, kiujn li diskutis en sia hieraŭa parolado, kaj la komitato pripensis kaj priparolis multe da aferoj rilate la progresadon de la lingvo.

Aliaj okazintaj grupkunvenoj estis respektive la de la Juristoj, Kuracistoj, Fervojistoj, Inĝenioroj, Flegistinoj, Ĵurnalistoj, Liberpensuloj, Katolika Unuiĝo, kaj Instruistoj.

Ĉiuj tiuj ĉi okazis en konstruaĵo « George Washington » Universitato. La kunvenoj tute ne estas oficialaj kunvenoj de la tuta Esperantistaro, sed nur de tiuj personoj, kiuj estas interesitaj pri Esperanto rilate sian propran pensfakon aŭ priokupon. Ĉiu kunveno diskutis la utilecon de Esperanto rilate ĉi tiujn aferojn kaj faris planon por pli vaste konatigi Esperanton al siaj sampensuloj aŭ samprofesiuloj.

Posttagmeze la kongresanoj ĝuis ekskurson al tiu bela natura vidaĵo, la kaskadoj de la Potomac rivero. En tiu alloga loko ili iom refreŝiĝis post la gravaj laboroj de la Kongreso mem.

Vespere oni prezentis teatraĵon, tradukon el Shakespeare, « Kiel Plaĉas al Vi, » sur la bieno de la Bristol lernejo. La tradukaĵo estas farita de D-ro Ivy Kellerman-Reed, la brila kaj ĉarma edzino de la Sekretario de la Amerika Asocio.

MERKREDON LA 17-AN

La kongresanoj estis tre malĝojaj, hodiaŭ matene, kiam oni anoncis en la ĝenerala kunsido, ke pro la bedaŭrinda morto de Prezidanto Montt, el Ĉilo, kiu subite mortis hieraŭ, ĵus kiam li alvenis en Bremen, la invito de S-ro John Barrett al akceptado en la Internacia Oficejo de la Amerikaj Respublikoj estis nuligita. La kunsido, tuj kiam oni anoncis la morton de la prezidanto, aprobis decidaĵon, ke la Sesa Kongreso de Esperanto bedaŭras la morton de Prezidanto Montt, kaj esprimas koran simpation. Oni anoncis kaj legis telegramon de Prezidanto Taft, kiu dankis al la kongresanoj pro la ricevita telegramo salutanta, kaj siavice sendis al la Sesa Kongreso saluton kaj koran gratulon.

D-ro Mybs legis por G-lo Sebert, kiu pro malsano ne povis partopreni la kongreson, raporton resuman de la Konstanta Komitato. La raporto rilatas al la propono starigi tutan internacian konsilantaron, kies membroj, elektitaj laŭproporcie de la anoj de ĉiu nacia asocio, zorgos pri financaj aferoj de la ĝenerala centra oficejo. Oni ankaŭ anoncis la akcepton de la invito ricevita el Antwerpen, ke la Sepa Internacia Kongreso okazu tie.

Poste, Kapitano Postnikov, proponis ke la kongreso estu en Rusujo en 1912, kaj S-ro Warnier, el Parizo, anoncis, ke oni esperas havi la 1914-Kongreson en Parizo.

Ĵus antaŭ la fino de l'kunsido, S-ro Frank Morrison, sekretario Amerika Federacio de Laboristoj, mallonge parolis en la angla lingvo. S-ro Mann tradukis. La sekretario promesis lerni Esperanton, kaj opiniis, ke ĝi nekalkuleble valoras kiel komunikilo inter la laborklasoj de l'mondo.

Antaŭ la labora kunsido okazis la tre interesa disdonado de premioj de la Literatura Konkurso. Doktoro Yemans unue prezentis S-inon Marie Hankel, reĝino de la Literatura Konkurso ĉe la Kvina Kongreso. Ŝi diris kelkajn vortojn, kaj tiam prezentis D-ron D. O. S. Lowell, Lernejestro de la « Roxbury Latin School, » Boston, ŝtato Mosaĉusetso, kiu disdonis la premiojn. Inter multe da aplaŭdado, la jenaj ricevis premioj :

Por poezio pri « Universala Frateco : » J. B. Mello Souza, el Brazilo (arĝenta medalo).

Por prozaĵo pri « Universala Frateco : » F-ino Esther Higgs, el Anglujo (arĝenta medalo).

Por originala rakonto : S-ro H. S. Hall, el Cleveland, ŝtato Ohio (arĝenta medalo).

Por originala rakonto skribita de junulo : S-ro Raymond T. Bye, el Germantown, ŝtato Pensilvanio (arĝenta medalo).

Por traktato pri la Utileco de Esperanto en Komerco : S-ro W. S. Vogler, el Hamburg, Germanujo (20 Sm. donacita de la Washingtona Komerca Ĉambro).

Por traktato pri la Biblio : W. L. Church, el Bostono, Mass. (libro donacita de D-ro U. G. B. Pierce, antaŭ nelonge Kapelano de la Usona Senato).

Por traktatto pri la Simileco de Zamenhof kaj Lincoln : James Robbie, el Skotlando (la verkoj de Zamenhof, lukse binditaj).

Posttagmeze la kongresanoj vizitis Mount Vernon. Vespere ili partoprenis neformalan akceptadon ĉe la Arlington.

ĴAŬDON LA 18-AN

Okazis kunsido de U. E. A.

Posttagmeze la kongresanoj ĉeestis la basbalan parkon por vidi konkurson inter la kluboj « Cleveland » kaj « Washington. » Oni preparis por la uzo de la ĉeestantoj esperantan libreton pri la reguloj. La « umpire » (decidanto) kelkfoje elparolis siajn decidojn en Esperanto kio tre gajigis lian aŭdantaron. Ĉeestis ĉirkaŭ 250 kongresanoj, kiuj reprezentis 35 naciojn. Ili oni grupigis ĉe unu flanko de l'parko sub la verda standardo, kaj ŝajne ili tre interesiĝis pri nia nacia sporto.

Vespere S-ro Chavet bone parolis kun ilustraĵoj pri urbo Antwerpen ; P-ro W. J. Spillman, eminenta scienculo el la Agrikultura Fako de l'usona registaro, pri « Videbla Parolo kiel Helpilo al la Lernado de Esperanto. » Prezidanto Barret neformale akceptis la kongresanojn ĉe la Estrejo de l'Amerikaj Respublikoj.

VENDREDO LA 19-AN

S-ro Dawe, direktoro de la Suda Komerca Kongreso, prezentis al la kongresanoj inviton okazigi la 1915 Internacian Kongreson en New Orleans, ŝtato Luiziano. Estis disdonitaj en la kunsido du mil ekzempleroj de lia adreso, kies esperantan tradukon faris S-ro Virgil C. Dibble, la tre agema konsilanto por la Sudo. La urbo San Francisko ankaŭ estas konkuranto por tiu Kongreso. Dum la tago, pro la foresto de Prezidanto Taft kaj la Sekretario por Fremdaj Aferoj, la oficialaj delegitoj estis akceptitaj de la Sub-Sekretario de tiu departemento de la usona registaro.

Posttagmeze, la postulantoj por la voĉrajto por la virinoj kunvenis. D-ro Arnhold, konata bankiero el Dresdeno, Germanujo, prezidis. La ĉefan paroladon faris S-ino Marie Hankel, el Dresdeno. Aliaj, kiuj parolis pri sama temo, estis S-roj W. Kurrie, el West Australia, kaj A. Rudy, el ŝtato Nord-Karolino.

Sekciaj kunvenoj de la poŝtoficistoj, la Teozofoj, la instruistoj, la financistoj, la vegetarianoj, kaj aliaj kompletigis la laboran tagon.

Vespere, kompreneble oni dancis. Britoj, Usonanoj, Latin-Amerikanoj, Rusoj, Ĥinoj, Hispanoj, Francoj, Kroatoj, Italoj, Germanoj, Poloj, Aŭstralianoj, Hebreoj — popoloj el la plej malsamaj kaj plej malproksimaj regionoj de l'mondo frate intermiksis. Laŭ kostumo oni povis rekoni ies nacion, sed ĉiuj parolis nur unu saman lingvon — Esperanton ; kaj ĉiuj apartenis al nur unu sama frata unuiĝo — la Esperantismo.

La « Post » (ĉiutaga ĵurnalo) diras : « Per internacia lingvo la malsamaj ĉeestantoj akordiĝis, kaj ĉiuj sentis sin tiel senĝenaj kiel en la konsiliĝaj kunsidoj dum la semajno. La balo estis aparte socia, kaj ĝi estis alia triumfo por la nova lingvo, montrante tre efike ĝian taŭgecon por ĉia uzo. Iafoje la muziko trafe speguligis naciajn trajtojn ; tamen la danco « Virginia Reel » kaj la milda melodio de l'Sudo « Dixie » ĉarmis ĉiujn korojn. Estis neeble kalkuli la naciojn, kiuj partoprenis la dancon, tiun malnovan favorataĵon. Ne nur la Nordo kaj la Sudo aplaŭdis la konatajn karajn kantojn, sed ankaŭ la Oriento kaj la Okcidento kuniĝis spirite en la ĝojo. »

La plej pentrinda, laŭ kostumo, el la fremduloj ĉeestintaj, estis Kolonelo John Pollen, el la Brita Armeo. Tiu sinjoro estas Irlandano, sed li servis al la Angloj kiel ambaŭ soldato kaj diplomato dum multaj jaroj kaj portas sur la brusto multajn medalojn ricevitajn pro tiu servado. S-ro Pollen vestis sin per nigra frako kaj mallonga blanka pantalono, la kapo fezkovrita. Liaj ŝtrumpoj estis blankaj ; kaj la tuta kombinaĵo prezentis ideon pri sia epizodplena vivo.

SABATON LA 20-AN

Estis nur unu kunsido — dum la mateno. Parolis kelkaj sinjoroj ; tiam D-ro Zamenhof solene fermis la Kongreson. La Majstro esprimis sian varmegan dankon al ĉiuj, diris kelkajn kuraĝigajn vortojn pri la movado, — kaj la Sesa jam ne estas. « Ĝis revido ĉe Antwerpen ! ».

Multaj delegitoj tuj ekiris hejmen ; aliaj restis en Washington por ĉeesti la vesperan paroladon de Kolonelo Pollen. La paroladinto uzis la anglan lingvon kaj liaj frapantaj frazoj kaj bonaj ŝercoj tre ĝojigis lian aŭdantaron. Kompreneble la temo de la parolado estis liaj spertoj rilate la Esp. propagandon dum tramonda vagado kaj vizitado ĉe Esp. grupoj. Kiel rezulto de tiuj longaj vojaĝoj, la Kolonelo pli kaj pli firmiĝas en sia fido je Esperanto kaj sia kredo je la fina kaj senkonkuranta triumfo de nia bela lingvo.

Antaŭ nelonge S-ro Pollen travojaĝis Aŭstralion kaj Nov-Zelandon, kaj sukcesege propagandis.

KELKAJ NOTOJ PRI LA SESA

Dudek du eksterlandaj Esperantistoj vojaĝis Usonon per la vaporŝipo « George Washington ; » inter ili D-roj Zamenhof, Mybs kaj Pollen. La ŝipa orkestro ludis la Esperantan himnon. Oni ankaŭ preparis menuon laŭ Esperantaj nomoj kaj S-roj Mybs kaj Pollen faris paroladojn ; S-ro R. Sharpe instruis klasojn.

Aliaj fremdaj delegitoj estis : S-roj H. Arnhold, el Dresdeno ; Burmudez, el Meksiklando ; R. Carter, el Durbano ; Chauvreau, el Laval ; Prof. Cotton, el Parizo ; Forestier, el Ĝenevo ; M. Nisgor, el Francujo ; Cornelius Gottsgall, el Gratz ; Mariano Osmeno, el la Filipinaj Insuloj ; S. Kurrie, el Kalgoalie, Aŭstralio ; M. Tabenski, el Ruslando ; Felix Vellalo, el Meksiklando ; Warnier, el Parizo ; S-inoj Giamar, el Nice ; Hankel, el Dresdeno ; Tiard, el Francujo : F-inoj Kathe kaj Marie Elizabeth Jahns, el Braunschweig.

Ĉeestis la Kongreson ĉirkaŭ 500 Esperantistoj. El tiuj kompreneble la plimulto venis el la orientaj kaj la mezaj ŝtatoj de Usono.

Ĉeestis la prezentadon de la teatraĵon, « Kiel Plaĉas al Vi, » pli ol mil personoj, la plimulto Esperantistoj aŭ aliaj, kiuj ekinteresiĝis pri la lingvo. Ili montris la plej grandan entuziasmon. La aktoroj estas artistoj ; kaj sub la lerta direktado de S-ro Robert Nuĝent Hickman ili prezentis la belan esperantan tradukon laŭ maniero ricevi koregan aplaŭdadon. Ĝis antaŭ du monatoj, neniu el la Hickman kompanio konis eĉ unu solan vorton de Esperanto ! Malgraŭ tio ili bone kaj facile elparolis la esperantajn frazojn, ĝuste tiel facile kiel ili povas paroli la anglajn. Oni starigis la scenejon sur bienon de la « Bristol » lernejo. Post la scenejo staris malgranda arbaro, de kie la aktoroj eniris. La bieno estis lumigata per japanaj lanternoj, la scenejo per kalciaj lumigiloj. La tuto ravis ĉiujn kaj tre plaĉe konformiĝis al la delikata imagaĵo kaj ĉarmo de ĉi tiu arbara rakonto de l'amo. Oni diras, ke la talentplena tradukistino nun havas enpresote novan bonan gramatikon.

Malgranda grupo da Washingtonaj policanoj lernis Esperanton speciale por uzo dum la kongreso.

La Washingtonaj ĵurnaloj faris longajn raportojn ĉiutage. Ni estas preparintaj la ĉefajn punktojn de nia propra rakonto laŭ la esperantaj artikoloj aperintaj en « The Star ; » sed ĉiuj altaj enhavis bonajn priskribojn.

## Parolado de D^ro Zamenhof

Lando de libereco, lando de estonteco, mi vin salutas ! Lando, pri kiu revis kaj nun ankoraŭ revas multaj suferantoj kaj senkulpaj persekutatoj, mi vin salutas. Regno de homoj, kiu apartenas ne al tiu aŭ alia gento aŭ eklezio, sed al ĉiuj siaj honestaj filoj, mi klinas min antaŭ vi, kaj mi estas feliĉa, ke la sorto permesis al mi vin vidi kaj spiri almenaŭ dum kelka tempo vian liberan, de neniu monopoligitan aeron.

Saluton al vi, Usono, plej potenca reprezentanto de la nova mondo. Ni, filoj de la malnova kaj maljuna kontinento, venis al vi kiel gastoj ; sed ne vidama turismo enŝipigis nin, ne la espero de ia komerca akiro pelis nin al via bordo. Ni venis al vi, por alporti al vi novan senton kaj novan ideon ; ni venis, por alporti novan kuraĝon al tiuj niaj samideanoj kaj samideanoj, kiuj ĝis nun laboris inter vi kaj kies vortoj pri ia nova popolo eble ŝajnis al vi tro fabelaj. Peco de tiu miksdevena kaj tamen lingve kaj kore unuigita popolo nun staras antaŭ vi reale kaj vivante. Rigardu nin, aŭskultu nin, kaj konvinkiĝu, ke ni ne estas fabelo. Ni estas diversgentanoj, kaj tamen ni sentas nin kiel samgentanoj, ĉar ni komprenas nin kiel samgentanoj, havante nenian bezonon humiligi aŭ fremdlingve balbutigi unu la alian. Ni esperas, ke dank'al nia laborado pli aŭ malpli frue la tuta mondo simiiĝos al ni kaj fariĝos unu grada homa gento, konsistanta el diversaj familioj interne apartlingvaj kaj apartmoraj, sed ekstere samlingvaj kej sammoraj. Al tiu nia laborado, kiu celas krei iom post iom unuigitan, sekve fortigitan kaj spirite altigitan homaron, ni nun invitas vin, filoj de Usono. Kaj ni esperas, ke nia voko ne restos vana, sed ke ĝi baldaŭ eĥe resonos en ĉiuj anguloj de via lando kaj tra via tuta kontinento.

Nur tre malmultaj el ni povis veni en vian landon, ĉar ni, esperantistoj, ne estas homoj riĉaj ; de nia nuna kongreso ni sekve ne povas atendi gravajn decidojn, kiuj havus signifon por la tuta esperantistaro. Ni venis al vi, Usonanoj, precipe por pasigi en via mezo kaj antaŭ viaj okuloj unu semajnon de nia esperantista vivo, por montri al vi almenaŭ malgrandan pecon de tiu vivo, por alporti al vi semon ; kaj ni esperas, ke post nia foriro tiu semo potence ĝermos kaj kreskos, kaj en via lando nia afero baldaŭ havos siajn plej favorajn kaj plej gravajn apostolojn.

En via lando, Usonaj samideanoj, nia afero estas ankoraŭ tro juna, kaj multaj el vi ne ellaboris al si ankoraŭ tute klaran juĝon pri ĝi ; tial permesu, ke mi almenaŭ *iom* esploru antaŭ vi la vojon, kiun ni iras. Kion celas la esperantista movado ? Ĝi celas atingi reciprokan komprenadon inter ĉiuj homoj kaj popoloj. Por kio ni bezonas tian reciprokan komprenadon ? Kiaj estas la sekvoj ? Kion ni atendas de ĝi ? Kial ni deziras, ke ĝi estu nepre sur fundamento neŭtrala ? Kial ni tiel persiste laboras por ĝi ? Kia estas la spirito, kiu nin ĉiuj ligas inter ni ? Pri ĉio ĉi tio mi jam multe parolis, kaj mi ne volas nun ripeti miajn vortojn, des pli, ke ĉiu el vi post kelka meditado facile mem trovos la respondojn. Antaŭ vi, praktikaj Amerikanoj, mi volas analizi alian demandon, nome ; ĉu ni kun nia laborado staras sur la vojo tute *certa*, aŭ ĉu ni povas timi, ke iam nia tuta laborado montriĝos vana ? Nur plena konscio pri la irota vojo donas al la marŝantoj sufiĉe da energio, por kontraŭbatali ĉiujn malfacilaĵojn, kiuj troviĝas sur la vojo.

La celo, por kiu ni laboras, povas esti atingita per du vojoj : aŭ per laborado de homoj privataj, t. e. de la popolaj amasoj, aŭ per dekreto de la registaroj. Plej kredeble nia afero estos atingita per la vojo unua, ĉar al tia afero kiel nia, la registaroj venas kun sia sankcio kaj helpo ordinare nur tiam, kiam ĉio estas jam tute preta. Kia devas estis la karaktero de la unua vojo, pri tio neniu povas dubi ; pri afero kies tuta esenco kaj vivo estas bazita sur interkonsento, ĉiu komprenas tre bone, ke laborado de amasoj povas ĝin konduki al celo nur tiam, se ĉiuj laboras unuanime. En tia afero, se ĝi per si mem montriĝas vivipova, konkordo estas la plej certa garantio de senduba sukceso, malkonkordo signifas la morton. Tion komprenas tre bone niaj samideanoj, kaj tial ili kun indigno forpuŝas ĉiun, kiu volas delogi ilin de la komuna vojo. Sed iufoje en la kapo de tiu aŭ alia samideano aperas la sekvanta demando : Kio estos la sekvo, se la solvon de la internacilingva problemo volos iam preni sur sin ia granda *forto*, kontraŭ kiu ni ĉiuj estas tro senfortaj, ekzemple la registaroj de la mondo ? Ĉu ni devas timi, ke ili eble elektos alian solvon, ol ni elektis, kaj tiamaniere nia tuta laborado fariĝos vana ?

Por trovi klaran respondon al tiu demando, ni prezentu al ni, ke la registaroj de la mondo aŭ iaj aliaj grandaj kaj influaj potencoj starigis aŭtoritatan komitaton, kiu devas decidi, kia lingvo devas fariĝi internacia. En la artikolo « Esenco kaj Estonteco », kiun multaj el vi legis en la « *Fundamenta Krestomacio* », mi analizis tiun demandon detale, kaj mi montris tute klare tion, pri kio en la nuna tempo jam neniu esploranto dubas, nome, ke tia komitato, pri kio mi parolis, neniel povus elekti ian lingvon nacian, nek ian lingvon mortintan, nek ian lingvon kun plene elpensita vortaro, sed ĝi devus nepre elekti nur aŭ Esperanton en ĝia nuna formo, aŭ Esperanton iom ŝanĝitan ; se la komitato kontraŭ ĉiuj postuloj de la prudento, volus fari ian alian decidon, ĝia decido restus nur decido papera kaj praktike absolute senvalora. Nun ni rigardu, kia estus la sola maniero, en kiu la komitato povus solvi la lastan alternativon.

Plej nature kaj plej kredeble estas, ke la komitatanoj reżonados simple en la sekvanta maniero : « Ekzistas lingvo artefarita, kiu tute montriĝis vivipova, bonege funkcias, bonege sin tenas jam multe da jaroj, kreis gravan literaturon, ellaboris sian spiriton kaj vivon, k. t. p. ; sekve anstataŭ fari tute senbezone kaj sencele riskajn novajn eksperimentojn, ni simple akceptu tion, kio jam ekzistas, ni donu al ĝi la aŭtoritatan apogon de la registaroj kiujn ni reprezentas, kaj tiam la tuta eterna problemo estos tuj plene solvita, kaj de morgaŭ la tuta civilizita homaro reciproke sin komprenos. »

Tia, mi ripetas, estas la plej natura decido, kiun ni povas atendi de la registare elektota komitato. Sed ni zupozu, ke la komitato trovos, ke diversaj ŝanĝoj en Esperanto estas efektive tre *necesaj*. Kiel do ĝi agos ?

Antaŭ ĉio ĝi sin demandos : ĉu ĝi estas sufiĉe *forta*, por altrudi sian teorian volon al tiuj multaj miloj do homoj, kiuj ĝis nun estis la solaj laborantoj en la afero ? La esperantistoj laboris dum longa vico da jaroj, multe laboris, multe oferis kaj kun tre granda malfacileco fine akiris tion, kio dum multaj miljaroj ŝajnis neakirebla kaj kio, unu fojon perdita, neniam plu reakiriĝus, ĉar la mondo perdus la tutan konfidon al la internacilingva ideo Sekve ĉiu prudenta kaj honesta komitato dirus al si : ni devas estis tre singardaj, por ke, anstataŭ akceli la aferon, ni ĝin ne pereigu por ĉiam. Se la komitato scius, ke ĝin elektis ekzemple nur ia unu tute senvalora kaj malgrava landeto, ke la elekto estis nur tute senvalora formalaĵo, ke la elektinto sin ne interesas pri la afero kaj ne havas eĉ la plej malgrandan intencon ĝin subteni, nek la forton por tio, tiam prudentaj komitatanoj nur simple esprimus sian opinion kaj deziron pri farindaj ŝanĝoj en Esperanto kaj la akceptadon aŭ neakceptadon al la decido de la esperantistoj mem, sed neniam komencus konkuradon kontraŭ la esperantistaro, ĉar ili komprenus, ke morale tio estus nur krimo kontraŭ la internacilingva ideo, kaj praktike ĝi pli aŭ malpli frue kondukus nur al fiasko.

Nun ni supozu, ke por la decido de la demando pri ~~pri~~ lingvo internacia estas kreita komitato, kiu havas forton ne *fikcian* sed *efektivan* kaj *grandan*. Ankaŭ mi jam montris, ke se tia komitato ne volos ke ĝia decido restu praktike absolute senvalora, ĝi povos preni nur aŭ Esperanton, aŭ ion tre similan al Esperanto. Mi diris jam, ke plej kredeble ĝi akceptos simple Esperanton en ĝia nuna formo. Sed ni supozu, ke ĝi tion ne volos fari : kiel do ĝi agos ? Ĉar ĝi komprenos tre bone, ke por krei vivipovan lingvon tute ne sufiĉas esti instruita homo kaj diri al si « mi kreos » ; ke oni ne povas tion fari laŭ mendo en la daŭro de kelke da semajnoj ; ke tio postulas tre longan, fervoran, sindoneman, amoplenan laboradon, elprovadon, trasentadon, k. t. p. ; kaj ĉar ĝi scios, ke ekzistas jam lingvo, super kiu multe da homoj tre longe laboris, kiu havas multejaran historion, grandan literaturon kaj grandan vivon, ke tiu lingvo bonege funkcias, kaj nur malmultaj punktoj povas en ĝi esti disputeblaj ; tial estas tute kompreneble, ke se la komitato traktos sian taskon serioze, ĝi ne riskos preni sur sin mem la kreadon de tute nova lingvo, ne prenos alian lingvan projekton, kiun la vivo ankoraŭ ne sufiĉe elprovis, ne komencos tute senbezone sekve neprudente bataladon kontraŭ tiuj, kiuj ĝis nun laboris en la afero, sed ĝi prenos Esperanton kaj faros en ĝi tiujn ŝanĝojn, kiujn ĝi trovos necesaj.

Al kiu tiu komitato komisius la faradon de la ŝanĝoj ? En la tempo *prepara*, kiam estus necese esplori principe la demandon, *kian* lingvon oni devas elekti, la komitato povas komisii la laboron al kiu ajn, zorgante nur, ke la elektitoj estu homoj prudentaj kaj senpartiaj, kaj komprenu la tutan responpecon, kiun ili prenas sur sin. Sed kiam la lingvo estus jam elektita kaj oni decidus fari en ĝi ŝanĝojn, kun kiu oni konsiliĝus pri tiu laboro ? La plej simpla prudento kaj la plej simpla komprenado de sciencaj metodoj diras, ke pri tia laboro oni devus konsiliĝi ne kun personoj, kiuj konas la lingvon de *ekstere*, sed antaŭ ĉio kun personoj, kiuj plej bone konas la lingvon *interne*, kiuj plej multe *laboris* por ĝi, plej multe praktike ĝin *uzis* kaj sekve havas en ĝi plej grandan sperton kaj plej bone konas ĝiajn mankojn *efektivajn*. Ĉiu komprenas tre bone, ke fari ŝanĝojn en iu lingvo, gvindante sin nur per ekstera ŝajno kaj ne konsiliĝinte kun personoj, kiuj plej bone konas tiun lingvon, estus tia infanaĵo, kiun certe nenia komitato povus fari, se ĝi traktus sian taskon serioze kaj ne estus sugestiata de personoj, kiuj havas kaŝitan celon.

Kaj se la komitatanoj decidos fari ŝanĝojn en Esperanto, kion ili povos ŝanĝi ? Se ili ekzemple volos diri, « tiu vorto estas prenita el lingvo, kiun parolas cent milionoj, tial ni eljetu ĝin kaj prenu vorton el lingvo, kiu parolas cent dudek milionoj », aŭ se ili dirus, « al ni ne plaĉas la vorto « estas », ni preferas « esas », k. t. p., tio estus simpla infanaĵo, kiun seriozaj homoj

certe ne permesus al si, ĉar ili komprenus ke en lingvo, kiu havas jam multejaran vivon, ŝanĝi grandan amason da vortoj pro simpla kaprico, pro ia pure teoria kaj praktike absolute senvalora motivo estus sensencajo! Memorante, ke oni atendas de ili ne ian teorian filologian amuziĝon, sed laboron *praktikan*, ili kompreneble ŝanĝus nur tiajn vortojn aŭ formojn, kiuj montriĝis kiel malbonaj *per si mem*, malbonaj *absolute*, grave maloportunaj por la *uzantoj* de la lingvo. Sed se vi trarigardus ĉiujn kritikojn, kiuj estis faritaj kontraŭ Esperanto en la daŭro de dudek tri jaroj, — kaj Esperanton ja kritikis jam multaj miloj da homoj, kaj certe neniu eĉ plej malgranda el ĝiaj mankoj restis kaŝita, — vi trovos, ke la grandega plimulto el tiuj kritikoj estas simple personaj kapricoj. La nombro de tiuj ŝanĝaj proponoj, kiuj efektive povus havi ian praktikan valoron, estas tiel malgranda, ke ili ĉiuj kune okupus ne pli ol unu malgrandan folieton, kiun ĉiuj povus ellerni en duonhoro; sed eĉ inter tiuj tre malmultaj supozeblaj ŝanĝoj la plej gravaj estas nur *plibonigo ŝajna*, sed en efektiveco ili post pli matura pripenso montriĝus eble nur kiel malplibonigo. Tiel ekzemple la forigo de la supersignoj kaj de la akuzativo, kiun mi antaŭ dekses jaroj proponis, por liberiĝi de la turmentantoj kaj faciligi la propagandon, kaj kion postulas la plimulto de la reformistoj, tiu ŝanĝo en la *nuna* tempo, kaj tiom pli antaŭ la okuloj de registare starigota kaj sekve forton havanta komitato, devas aperi kiel tute neakceptebla ĉar ĝi prezentus kripligon de la *interna* valoro de la lingvo, por plaĉi al ĝiaj *eksteraj* rigardantoj. forigon de necesaj gravaj sonoj el la lingvo kaj de libera vortordo kaj klareco por... ke la presistoj ne bezonu elspezi kelke da spesmiloj kaj la komencantoj ne havu kelkan malfacilaĵon.

Se vi prenos ian artikolon Esperantan, prezentitan de niaj kontraŭuloj, por senkreditigi Esperanton, vi preskaŭ ĉiam trovos nur unu aferon: grandan amasigon de la plurala finiĝo « j » ; tiu malfeliĉa « j », kiun neniu tamen kuraĝas kritiki en la bela greka lingvo, estas la kvintesenco de ĉiuj terurajoj, kiujn niaj kontraŭuloj montras en Esperanto!

Unuvorte, ĉiu el vi povas facile konvinkiĝi, ke se iam registare starigota komitato decidos fari ŝanĝojn en Esperanto kaj se tiu komitato traktos sian taskon serioze, ĝi povos ŝanĝi en Esperanto nur tre, tre malmulte ; la postkomitata Esperanto restos tute la sama lingvo. Kiel la Esperanto antaŭkomitata, nur eble kelkaj nunaj formoj fariĝos arĥaismoj kaj cedos sian lokon al pli oportunaj formoj, neniel rompante la kontinuecon de la lingvo kaj neniel ruinigante la valoron de tio, kion ni ĝis nun akiris. Tio estas ne nia pia deziro, sed tion plene certigas al ni simpla logiko kaj prudento, kontraŭ kiu certe nenia serioza komitato volos peki, se ĝi ne volos, ke ĝiaj laboroj restu absolute sen ia praktika rezultato.

Nun mi resumos ĉion, kion mi diris: Logika esploro de la afero montras al ni, ke :

1. Lingvo internacia ne povas esti alia, ol Esperanto.

2. La evoluado de la lingvo fariĝos plej kredeble nur per tiu sama natura vojo, per kiu ĝi fariĝis en ĉiu alia lingvo, t. e. per la senrompa vojo de neologismoj kaj arĥaismoj.

3. Se iam aperos la neceso fari en Esperanto ian ŝanĝon, tian povas fari nur aŭ la esperantistoj mem, per komuna interkonsento, aŭ ia grandega forto, sed nepre kun plena interkonsento kun la tuta Esperantistaro.

4. Se iam la Esperantistoj mem aŭ ia granda ekstera forto decidos fari en Esperanto iajn ŝanĝojn, tiuj ŝanĝoj povas esti nur ekstreme malgrandaj, neniam rompos la kontinuecon, kun tio, kion ni ĝis nun faris, faras, aŭ poste faros.

Tio estas la sole eble natura irado de la aferoj. Ĉiu, kiu volas kontraŭbatali tiun naturan iradon, nur perdos senbezone siajn fortojn. La esperantaj radikoj de la arbo internacilingva jam tiel profunde penetris en la teron de la vivo, ke ne povas jam ĉiu dezirante ŝanĝi la radikojn aŭ ŝovi la arbon laŭ sia bontrovo.

Karaj kongresanoj! Ĉio, kion mi diris, ne estas ia aŭtora memfido, ĉar mi plene konsentas kaj konfesas malkaŝe, ke, por ŝanĝi ion en la natura irado de la internacilingva afero, mi estas tiel same senpova, kiel ĉiu alia persono. Mi defendas fervore nian nunan vojon, nur tial ke la ne refuteblaj leĝoj de la logiko diras al mi, ke tio estas la sola vojo, kiu kun plena certeco alkondukos nin al nia celo. Kiu ajn volus ŝanĝi la naturan iradon de la internacilingva afero, — tute egale, ĉu li estas malamiko de Esperanto aŭ ĝia plej firma amiko, ĉu li estas senfamulo aŭ eminentulo, ĉu li agas per vortoj aŭ per mono kaj ruzaĵoj, ĉu li estas plej fanatika konservemulo aŭ plej facilanima eskperimentisto de novaĵoj, ĉu li estas plej pura idealisto aŭ plej profitama, ĉu li bruas kaj malbenas aŭ kaŝite laboras sub la tero, — li neniam sukcesos; li povos nur krei kelktempan skismon kaj akiri la malĝojan gloron de la malhelpanto kaj subfosanto, sed neniam li povos devigi ĉiujn amikojn de la internacilingva ideo pro iaj sensignifaj bagateloj forĵeti tion, kion ili posedas, kio montriĝis plene vivipova, en kion estas jam enmetita tia multego da laboroj kaj da vivo, kaj kio per natura vojo devas iom post iom konstante ensorbi novajn sukojn. Tion devas bone memori ĉiuj, kiuj laboras sur la kampo de lingvo internacia, kaj se ili ne tion ne memoros, la vivo mem donos al ili la necesan instruon.

Ni povas sekve labori trankvile; ni ne devas malĝoji, se nia laborado estas iafoje malfacila kaj sendanka; sur nia flanko estas la fajro de niaj sentoj, sur nia flanko estas ankoraŭ la nerefuteblaj leĝoj de la logiko kaj prudento. Pacience ni semu kaj semu, por ke niaj nepoj iam havu benitan rikolton. Al la Sesa Esperantista Kongreso, kiu sendube enĵetos multe da semoj en la teron Amerikan, mi eldiras mian koran saluton.

* * *

Ni publikigos en nia venonta Nº la raporton pri la du sukcesaj kunvenoj de U. E. A. en Washington.

# REKLAMO

## TARIFO

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Unu paĝo* | ₷ 240 | *1/8 kolono* | ₷ 5 |
| *Unu kolono* | 40 | *1/16 —* | 2.50 |
| *1/2 —* | 20 | *1/24 —* | 1.75 |
| *1/4 —* | 10 | | |

*Rabato da 10 % por 3 reklamoj, 25 % por 12 reklamoj ; 50 % por 24 reklamoj. Nenia alia rabato aŭ prezo konsentata.*

# ANONCETOJ

## TARIFO

Korespondado. — *Unu enskribiĝo ₷ 0.30 (fr. 0.75).*

PI = *poŝtkartoj illustritaj ;* L = *leteroj ;* PM = *poŝtmarkoj.*

Petoj & Proponoj ; Komercaj reklamoj. — *Unu linio 40 literoj : ₷ 0.15 (fr. 0.40).*

*Por ĉiuj anoncetoj, rabato da 10 % por 3 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj, 50 % por 24 enpresoj.*

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulinian anoncetonsenpage.*

NOTO. — Ĉia anonceto estos sendata, antaŭ la 5ª kaj 20ª de ĉiu monato, al nia Administrejo, al la lokaj Agentoj aŭ Esperanto-Oficejoj. Pago per poŝtmandato aŭ internaciaj poŝtkuponoj.

### Korespondado

Dresden (Germanujo). — S-ro Johann Pretschner, Leipziger str. 101, P. I.

Inbit (Rusujo Permska Gubernii). — F-ino T. Uporov, Instruistino, Zemskaja Uprava, P. I.

Saratov (Rusujo). — F-ino V. Sidorov, Carevskaja st. d., 53, P. I.

Koenigsberg (Germanujo). — S-ro Johannes Schwaiger, P. I.

Nazli (Turkujo Azia). — S-ro Salih Sidki, Direktoro poŝto kaj Telegr. kaj Del., P. I. P. M., kaj fotografajoj.

Paris (Francujo). — S-ro Paul Prime, 89, avenue d'Italie, P. I.

Gerona (Hispanujo). — S-ro Josefo Toja, str. Barcelona, 11, P. I.

Barcelona (Hispanujo). — S-ro Jaime Romagora, str. Basea, 18. P. I., ankaŭ L. kun fraŭlinoj (ne kun francaj kaj germanaj).

Le Creusot (Francujo). — S-ro A. Minfeld, rue Condé, 31. P. I.

Givors (Francujo, Rhône). — S-ro Gachet Michel, rue Victor-Hugo, P. I. L., P. M.

Moskvo (Rusujo). — S-ro V.-A. Lebedev, Bolŝaja Presnja, d. 41, kv. 14. P. I.

Fistedalen (Norvegujo). — S-ro Emile Andreassen, P. I. (el Peterburgo, Bruselo, Hago, Berlino, Madrido, Ateno, Konstantinoplo, Bukareŝto, Belgrado).

Levallois-Perret (Francujo). — S-ro Georges Moignet, rue Trézel, nº 20. P. I. L.

Kladno (Bohemujo, Aŭstrio). — S-ro Adolf Kobe. P, I., P. M. (P. M. sur bildflanko).

Stenhousemuir (Larbert, Skotlando). — F-ino M. Kerr. P. I. (krom kun Britoj).

Gammersheim (Apud Speger-a-Rhein, Germanujo). — D-ro V. Braŭch. P. I.

Reno (Nevada, Usono). — S-ro Farneworth Wright, 507, W. Yth. P. I.

Rybinsk (Rusujo). — S-ro N. Ivenski (nevo de D-ro L. L. Zamenhof). P. I.

Upsala (Svedujo). — S-ro Emil Finn, Vaksalag, 15. P. I. (kun skulptaĵoj).

Portsmouth (Anglujo). — S-ro Ch. Westgate, 42, Bishop str. P. I.

Rouen (Francujo). — S-roj M. Premin kaj M. Delaunay, 22, rue Saint-Lô, P. K., P. M. L.

Dusseldorf (Germanujo). — S-ro P. Lersch, 39 Konkordiastr. 39. P. M., P. I. (Sendos tuj samvaloran kvanton.)

Lyss (Svisujo, Bern). — S-ro E. Scheurer, instruisto. P. I. (Kun ekstereŭropanoj.)

Langeais (Froncujo, Indre-et-Loire). — S-ro Léon Gouron, Calvaux. P. K.

Praha-Zizkov (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro B. Makeŝ, Harantova ul. 244. P. I. (P. M. sur bildflanko.)

Danzig (Germanujo). — F-inoj Frida Fischer, Weidengasse 56, Betty Geissler, Karrenwall 8, Margarete Staegemann, Mottlaŭergasse 11-a. P. L.

Warnsdorf (Aŭstrujo, Bohemujo). — S-ro Wenzel Pracht, fabrikdirektoro, 705/IV. P. I., L. — S-ro Karl Grohme, ĝardenisto, 497/IV. P. I. — S-ro Hermann C. Richter, ŝparkasoficisto. 587/IV. P. I. L.

Kostroma (Rusujo). — S-ro B. Pankratov, 7-a klaso reala lernejo. (Pri korpa edukado kaj pri Ekstrem-Oriento kun Japanujo.) — S-ro M. Bulkin, ĉe F-ino Ŝarapov, 13 Mŝanska, Kostroma. P. I, L.

### Petoj kaj Proponoj

VINTRAJ SPORTOJ por ESPERANTISTOJ. — Thos. Cook kaj Son plezure sciigas ke ili jam faris aranĝojn pri internacia Vintra Festo kiu okazos 17ªⁿ ĝis 24ªⁿ Januaro 1911, en Champery (Svisujo). La programo enhavas plenan informojn pri la tagaj sportoj kaj la vesperaj distraĵoj, ankaŭ pri loĝado, kaj la vojagaranĝoj de la ĉefaj urboj en Eŭropo. Postulu ekzemplerojn ĉe THOS. COOK kaj SON, Cefoficejo. — LUDGATE CIRCUS, LONDON.

OFICO. — 18-jara ruso, ekslernanto de reala lernejo, serĉas oficon en germanaj landoj aŭ en Ameriko. Scias grafikan desegnadon, iom Esp., Germane, France. Adr. : F-ino Ŝarapov, 13 Mŝanska, Kostroma (Rusujo).

GERMANA FRAŬLINO, bone edukata el bona familia estus akceptata ĉe plej bona familio por instrui fraŭlinon per germana lingvo, ellernante francan lingvon dum la vintra sezono. Skribi al S ino Dalem, Comblain-au-Pont, Belgique.

DANKOJ. — S-ro S. Ŝabarin kore dankas la amikojn, senditajn al li saluton el la Unua U. E. A. Kongreso en Augsburgo. Li reciproke sendas al li amikajn bondezirojn.

FUMANTOJ. — Aĉetu la pipon « Esperanto »! El vera radikerika ligno. 2,40 Sm. por unu dekduo. Fabrique de pipes Caire Félicien. Saint-Claude (Jura, Francujo).

ĈU VI AMAS belajn kantojn? Se jes, ensendu tuj 20 Sd. (duona prezo) poŝtmandate aŭ du respondkuponojn al Emil Finn, Upsala (Sved.) kaj vi ricevos la libron *Sveda Kantaro*, enhavanta 30 svedajn kantojn, esp. trad. kun melodioj.

MI DEZIRAS AĈETI ekzemplerojn de Esperantaj Rondirantaj gazetoj (malnovaj kaj nuntempaj) litografie aŭ hektografie presitaj. Ankaŭ mi deziras akiri, per aĉeto aŭ interŝanĝo, kelkajn malnovajn Esp. ĵurnalojn. Bonvole skribu tre legeble. H. T. Baitey, 31, Caversham Road, Kentish Town, London.

GAZETISTOJ! — Mi petas miajn ko'egojn kaj ne-ĵurnalistojn sendi al mi (por presigi en gazeto) aktualajn leterojn, kiam okazos interesaj faktoj en la politika, sociala kaj alia fako, katastrofoj, k. t. p. Mi volonte sendos tiajn leterojn el mia lando al ĉiuj, kiuj volas interŝanĝi tiajn korespondaĵojn kaj sciigos al mi ilian nomon kaj adreson S-ro J. Pastoor, gazetisto, 's Hertogenbosch (Nerlando).

AL ĈIUJ DELEGITOJ mi adresas la peton, ke ili bonvolu laŭeble poŝtkarte doni al mi plej rapide la adresojn de ĉiuj *aviadistoj* de sia regiono aŭ lando. Mi kontraŭe sendas al ĉiuj respondontoj la gvidfolion de Locle. Kun jama danko ; Th. Roniger, Del. Le Locle (Svisujo), 16, rue du Marais.

KONTINENTAJ PRODUKTOJ. — Firmo havanta urbcentran kontoron kaj vojaĝiston vizitantan eksportistojn kaj fabrikistojn volas reprezenti fremdajn firmojn A. Beverley and Co, Manchester.

PENSIONO. — Ĝenevo (Svisujo), Villa les Mélèzes, 17, chemin des Chênes. Pensiono por fraŭlinoj, saniga situacio, ellernado de franca lingvo kaj kompletigo de la edukado. Hejma vivado. Prospekto Esperanta ĉe la direktorino. Por pluaj detaloj sin turni al la direktorino.

ŜPARMONO 4 %. — Eldonejo « Esperanto ». Leipzig, Langestrasse, 27, Germanujo.

PENSIONO. — Familio de geprofesoroj ĉe la superaj lernejoj akceptus kelkajn fraŭlinojn en pensiono. Vivo agrabla kaj gaja. Centra hejtado. Ĉarma artista hejmo kun mirinda situacio kaj bonega aero, borde de l'fama Geneva lago (*France*, Esperante, germane, angle). Adr. : Sro Vittel, prof. « La Vegnetta ». *Morges par Lausanne* (Svisujo). *Esperanta prospekto* laŭ peto.

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hispanujo).

POR JUNULOJ. — F. L. G. Maréchal, B.-A. Direktoro (Lingva fako), Northern institute, internacia komerca lernejo, prezidanto de Internacia Asocio de Instruistoj, 384, Kingston Terrace, Leeds, Anglujo, akceptas fremdajn junulojn kiuj deziras ellerni la Angl. Lingvon kaj komercajn metodojn. Banejo ; biliardĉambro, fumĉambro, k. t. p. Jare 500 Sm.

PROPAGANDO. — S-ro L. Littardi, Del. U. E. A., Porto-Maurizio (Italujo) petas komerc. katalogojn, Esp. ĵurnalojn, propagandilojn, Esp-aĵojn, por disdonado aŭ propagando.

### Komercaj reklamoj

**ĈAMPANO ESPERANTO**

Pro sia bongusto, pro sia natureco, pro sia komerca marko : « La Verda Stelo », tiu ĉampanvino de la firmo Gustave Ivernel ĉe Ay-Champagne, Francujo, speciale taŭgas por Esperantistaj kongresoj, festenoj, kunvenoj, k. t. p.

Po 1 botelo : Sm. 1.10, 1.40, 2 laŭ kvalito ; Fr. 2.75, 3.50, 5 laŭ kvalito. La botelo prenita ĉe Ay.

Por mendoj, informoj kaj prezaroj sin turni al :

S-ro WILLERMOZ, U. E. A., Nº 19 - 44.94.1 ĝenerala riprezentanto por la tutmonda Esperantujo.

Oni petas pri fidindaj subagentoj.

*Quai Lunel, 24, Nice, France.*

**CITROJ**

MAX AMBERGER. — Munĥeno, Mullerstr. 8. Reĝa Bavara kortegliveranto. Konstruejo por ĉiuspecaj majstre manlaborataj citroj ; koncert-citroj kun plej forta tono kaj mondkonata plej facila ludebleco kaj kantemeco. La plej belaj citroj de la estanteco. Majstraj gitaroj, liutoj mandolinoj, violonoj, tenejo de memŝpinitaj daŭremaj kordoj.

Illustrita katalogo senpage kaj afrankite ricevebla.

Oni korespondas Esperante!

GRANDA HOTELO DU GLOBE, Paris, 71, rue Monge (apud rue Lacépède). Posedanto A. Leclerc. Proksime stacidomoj Austerlitz-Lyon-Montparnasse kaj Sportoĝardeno Sorbonne-Luxembourg'a ĝardeno. Ĉambroj de 0,80 Sm. ĝis Sm. 2. La gemastroj estas esperantistoj.

CENT DIVERSAJ POŜTKARTOJ Esperantaj por elekti. Mendu prezaron de Eldonejo Esperanto Germanujo ; Leipzig, Langestr. 27.

9 LAMPIONOJ, formante la vorton Esperanto, Sm. 1.50 kaj sendelspezoj. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Langstr., 27.

150 ESPER. POŜTKARTOJ diversaj Sm. 4.50 (100, 3 Sm.). Mendu prezaron. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Langestr., 27.

INTERNACIA PROPAGANDA KORESPOND-POŜTKARTO, seslingve kun belega bildo de nia majstro. Po 10 ekz. Sm. 0.15 ; po 50 ekz. Sm. 0.55 ; po 100 ekz. Sm. 0.90 ; 1000 ekz. Sm. 5.20, afrankite. Oni akceptas ankaŭ poŝtmarkojn ĉiunaciajn, transpagilojn kaj Espĉekojn. *Germana Esperanto-Librejo*, Sternwarte 40, Leipzig, Germanujo.

DELEGITOJ! Prezarojn petas Rotterdamsche gereedscharhandel, Nieuwe Markt, 11, Rotterdam, Nederlando. Societo por la vendado de iloj kaj maŝinoj por buĉistoj.

*La Administranto (Gérant) :* Michaud

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo)

BORDEAUX-VINOJ

**Firmo Emile LAMY, Posedanto**

*BORDEAUX (Franclando)*

Vinoj de Tablo. Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo aŭ duonbarelo.

Vinoj Maljunaj. — Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo, duonbarelo, kvaronbarelo, aŭ per kesto, diversspeca.

*Likvoroj de Vinoj — Alkoholoj — Ĉampanoj.*

Sin turni al Sro **Arnoux**, sola agento, 11, strato Chaligny, Paris (Franclando). Sendo de specimenoj laŭ peto. Oni korespondas Esperante.

**LA 365 HOROSKOPOJ (Rinko)**

Agrabla, utila libro : mendebla ĉe

Esperanto-Oficejo de Nice (Francujo)

Sm. 0.80 aŭ 2 Fr.

Granda Marko
**« Ville de Paris »**

**INKOJ MIETTE**

*gluoj likvidaj, sigeloj*

**Jules MIETTE**

102, Rue Amelot, PARIS-XI

**FRANCAJ AEROPLANOJ**

Blériot, Antoinette, Farman Voisin, k. c.

LA PLEJ PERFEKTAJ EN LA MONDO

*Por ĉiuj mendoj kaj klarigoj skribu al :*

**Sro P. PASQUET**

122, Bd de Clichy, 18e, PARIS (Francujo)

*La sola internacia signo estas :*

**la VERDA STELO « GASSE »**

(8ª jaro).

kun ore skribita vorto « ESPERANTO » (déposée-registrita).

**REKONIGILO ! PROPAGANDILO !**

Pingloj, broĉoj, kravataj pingletoj : 1 : Fr. **0 75**. 10 : Fr. **6**. — 100 : Fr. **45**. — afr. kaj rekom.

Ĉensignoj (kun duoblo faco) 1 : Fr. : **1 50**, 10 : Fr. **12**. — Afr. kaj rekon.

Konto kun Ĉekbanko.

Mendu ilin al via grupo, aŭ per simpla poŝtkarta mandato al Sinjoro Emilo Gasse, 55, rue Fred. Bellanger, Havro, Francujo, aŭ al subtenejoj : Belgujo : S-ro. O. Van Schoor, Vondelstr. Antverpeno. Britujo : Esp. Oficejo Liverpool. Germanujo : Moller et Borel, Berlin. Hispanujo : Manuel Fuentès Bidebarrieta, Bilbao. Rusujo : Moskva librejo Esperanto, Tverskaja 28. Moskvo.

**PARIS** EGLI'S HOTELO INTERNACIA

*11, rue Bachaumont (Bourse)*

Moderna, centre de Paris, proksime Louvre kaj Bulvardoj. 90 ĉambroj. Tre moderaj prezoj.

Svisa mastro.

Oni parolas Esperante.

**LA PLEJ BONA REKLAMILO**

estos la

**Oficiala Jarlibro por U. E. A.**

**por 1911**

*Ĉar ĝi estos sendata al ĉiuj Esperantianoj kaj ni sekve povas garantii presadon de minimume 8.000 ekz. ;*

*Ĉar ĝi estos konstante uzata de ĉiuj Esperantianoj en ĉiuj anguloj de la terglobo ;*

*Ĉar ĝi estos la plej disvastigata, la plej uzata el ĉiuj Esperantaj adresaroj.*

Ĉiu komercisto, eldonisto, libristo, eksportisto, k. t. p., do sendu kiel eble plej baldaŭ anonĉon por la dirita Jarlibro.

**TARIFO :**

*1 paĝo : (16 1/2 × 11 1/2 cm) :* **20 ₷.** — *1/2 paĝo :* **10 ₷.** — *1/4 paĝo :* **5 ₷.** — *1/10 paĝo :* **2.50 ₷.** — *Duliniaj anoncetoj :* **0.80 ₷.**

Rabato da 10 % por ĉiuj *Esperantiaj Entreprenoj* por 1910 aŭ 1911.

La anoncetoj estos ricevataj nur ĝis la 5ª *de novembro.*

Oni serĉas lokajn *anoncmakleristojn.*

Sin turni al : **ESPERANTIO**, 10, rue de la Bourse, Genève (Svisujo).




Ĉe la firmo *Roncati* loĝas Es-OF. kaj Vicdel. de U. E. A.

**PLI MALKARE OL IE AJN**

Senpera Vendado de la Regionaj Produktoj

**ESPERANTISTA EKSPORTOFICEJO**

*58, Rue Mulatière, 58*

**SAINT-ÉTIENNE** (Francujo)

Rubandoj — Veluroj — Galonoj — Punto de Le Puy.

Ĉaspafiloj, revolveroj, fiŝkaptiloj, sportiloj — Bicikletaĵoj, bicikletoj — Teksiloj — Kudromaŝinoj — Pormetia tranĉilaro — Perfektigitaj vinkulturaj maŝinoj : pumpiloj kaj vinberpremiloj.

*Silkaj Esperantaĵoj :* Flagetoj, skarpoj, kravatoj (speciala katalogo). — Silka portreto de D-ro Zamenhof. — Likvoro digestiga Esperantine.

*NOTO.* — Pri ĉiu informpeto, sin turni al la Esp. Eksportoficejo per poŝtkarto kun pagita respondo aŭ sendante reskondkuponon.

BIBLIOTEKO DE ĈASOPIS ČESKÝCH ESPERANTISTŮ
ED. KUHNL — 1910. — PRAHA
Adreso: Praha II. Dittrichova ul. 7.
Prezo 75 ctm. — 10 ekz. Sm. 2.70

**SHERLOCK HOLMES EN SERVO DE LA HISPANA TRONO.**

# Okazo ne preterlasinda!

U. E. A. vendas

**Malnovajn ESPERANTIAJN MARKOJN**

(verdaj kun la portreto de D-ro Zamenhof, sur forta papero)

po **1 ₷ por 250 ekzempleroj**

*(anstataŭ 100), afrankite*

Rekomendinda propagandilo por niaj Delegitoj kaj membroj

**SANECO** estas *trezoro,* kiun oni konservas facile, kiam oni havas bonan stomakon. Skribu : 6, rue du Helder, *Paris.*

| 3.000 membroj EN FREMDAJ LANDOJ — *Jara Kotizaĵo* 2 dolaroj (4 ₷) | Membroj havas la jenajn profitojn : Ricevi informojn el ĉiuj landoj. Konatiĝi antaŭ ol forveturi eksterlanden |
|---|---|

**CHARTERED A.-D. - 1900**

| Sinjorinoj Sinjoroj estas akceptataj por membreco. Prospektoj kontraŭ afrankpago *(senpage al la skeptikuloj)*. Adresu leterojn kaj monon al Sekretario de C. C. C. | Korespondi en fremdaj lingvoj. Interŝanĝi revuojn, poŝtkartojn, poŝtmarkojn, fotografaĵojon, plantaĵojn insektojn, k. t. p. |
|---|---|

**Milwauke, Wisconsin, U. S. A.**

**Vojo por aliĝi.** — 1. Skribu vian nomon kaj adreson (legeble) kun unu aŭ pluraj referencoj. — 2. Skribu la lingvojn, kiujn vi komprenas. — 3 Konigu la temon pri kiu vi deziras korespondi. — 4. Sendu la kotizaĵon (4 ₷) per ĉeko aŭ poŝtmandato. Via nomo estos enskribata kaj vi ricevos ĉiujn paperojn kaj ekz. de *Globe Trotter* kun la plena listo de l'membroj.

# HOTELO LOUIS-LE-GRAND

2, *rue Louis-Le-Grand, Paris.*

En belega loko, inter la Rue de la Paix kaj Avenue de l'Opéra. Moderaj Prezoj. Oni parolas en Esperanto. English Spoken. Man spricht Deutsch. Se habla Espanol.

MEDIZINISCHE LICHT- & HERZ- u. NERVEN- **Heilanstalt-Kuracejo** por lumkuracado por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj.

vormals : ROTES KREUZ — antaŭe : RUĜA KRUCO

*51 Luisenstrasse* **BERLIN NW. 6** *Telefono III, 3185*

**Sekcio por lumkuracado**

Elektra lumo kun elektrodoj de karbo, fero, hidrargo. Lumo de Roentgen. Radiado d'Arsonval kaj de Oudin kontraŭ artrito, reŭmatismo, neŭralgio, iŝialgio, furunkulozo, diabeto, k. t. p.

**Radiado kaj fotografado laŭ Roentgen**

**Sekcio por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj**

Esploroj per radioj de Roentgen kaj konstatado de l'agado de l'koro. Banoj kun karbacido kaj ŝprucbanoj kun pinburĝonoj. Elektraj banoj por la tuta korpo kaj por apartaj membroj. Vibromasaĝo k. t. p.

**La kuracado plene anstataŭas restadon en Bad Nauheim**

Prospekto laŭ deziro — **KURACADO AMBULANTE. ONI PAROLAS ESPERANTE.** — Du kuracistoj — Direktoro : **Dr. BREIGER**

**50 Jara sukceso!**

**OSIJEKA VIZAĜPOMADO KAJ OSIJEKA SALVATOR-SAPO**

*forigas ŝprucmakulojn, kaj ĉian malpuraĵon de l'vizaĝo*

Malfalsa sole nur en la Salvator apoteko

SALVATOR-APOTHEKE — SCHUTZMARKE — DIENES ESSEG

**J.-C. DIENEŠ, OSIJEK (Essegg) (Kroatujo)**

1 vazeto da osijeka vizaĝpomado kostas po 70 heleroj kaj po 1 Krono (1 Krono = 100 h. = 42 spesdekoj) ; 1 peco da Salvator-sapo 1 K. Unu vazeto da manŝmiraĵo 1 K. 20 h. Lyona pudro, malgranda skatolo 1 K. granda skatolo 2 K. Tiuj ĉi rimedoj ne havas domaĝajn konsistaĵojn kaj tutege respondas al la regularo de la alta registaro.

KIAL ESTAS UZOTA NUR

**« MIRANDA-KREMO » ?**

Ĉar *Miranda*-Kremo estas perfekte nedomaĝa, ĉar per « **Miranda-Kremo » oni atingas idealan belecon**, ĉar *Miranda*-Kremo forigas ĉian malpuraĵon de la haŭto, ĉar *Miranda*-Kremo ne nur **plibeligas**, sed ankaŭ **junigas**. Unu vazeto da « **Miranda » Kremo** kostas 1 K. Unu skatolo da « **Miranda-pudro** » (trikolora) 1 K. unu peco da « **Miranda** » **sapo** 70 h.

Ricevebla ĉe la produktanto **J.-C. DIENEŜ**, post Osijek, supera urbo, de kie mendoj per poŝtpaĝo tuj efektiviĝas

La korespondado kun la **Salvator-Apoteko**, de **J.-C. Dienes** estas ankaŭ en la lingvo **Esperanto** krom la lingvoj germana, angla, franca, itala, latina, kroata, serba, aliaj slavaj lingvoj kaj la magyara.

La korespondanto de firmo J.-C. Dienes estas Drag. Mirko Kaniĉar, Delegito U. E. A.

Tiu ĉi

**SVEDA RAZILO**

kostas

1 po 1.92 ₷
2 — 3.30
3 — 4.12 afrankite

*Vidu la antaŭajn anoncojn en la gazeto.*

**John BYHLIGER, HEDEMORA (Svedujo)**

**Friedrich Ader, Dresden (Saksujo)**

**ZAHNSGASSE 12, HANSAHAUS**

Esperantista Eldonejo : Esperantista Librejo
Esperantista Presejo : Artista Presejo

Atentu! La mendojn mi nur povas plenumi kontraŭ antaŭsendo aŭ pagoŝarĝo de la mono Je antaŭpago mi petas aldoni 5 % de la sumo por miaj sendkostoj.

| | |
|---|---|
| Laŭmetoda, detala **Lernelibro de Esperanto**, verkita de Karl Schonherr, intruisto. 7ª eldono. | ₷ 0.88 |
| **Lexikon deutscher Redensarten**, ellaborita kaj en Esperanton tradukita de rektoro Wilh. Velten kaj R. Richter. Broŝurita ₷ 1.25 bele bindita | 1.60 |
| **Malgranda kantareto** (kun notoj) | 0.25 |
| **Dr. Zamenhofs Tabelle der Formworter**, verkita de rektoro Wilh. Velten | 0.20 |
| **Sigelmarkoj** kun la portreto de D-ro Zamenhof, sur luksa papero. 100 ekz. | 0.25 |